# REGO



## RUSIA ESPERANTO-GAZETO



*komuna eldono de REU kaj REJM* *№ 1 (1) oktobro 2000*



komuna fotaĵo de OkSEJT-40

*en la numero:*

*alvoko pri eventuala UK en Rusio*
*rakontoj pri OkSEJT-40, UK-85*
*anoncoj pri estontaj aranĝoj*
*REU- kaj REJM-informoj*
*literaturaj paĝoj*
*certe diversaj novaĵoj, artikoloj kaj multo alia*

**Moskvo, 2000**

# BELAJ TAGOJ en OkSEJT-40



"solena" malfermo



aktoras Saŝa Blinov



la organizantoj gratulas la geprincojn



al kio ili rigardas? certe al lignofajro!



spektantoj en nokta kinohalo



"punk"-grupo sur la scenejo



kutima nokta "diboĉo" en ĉambro

## UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN RUSIO!

# ALVOKO

Karaj rusiaj gesamideanoj!

La Unua Libro de Esperanto estis unue eldonita en la rusa, la unuaj esperantistoj estis plejparte rusianoj. Sed pro la specifaĵoj de la historia vojo de nia lando ĝis la 90-aj jaroj de nuna jarcento ni estis apartigitaj de la tutmonda E-movado per "obstinaj baroj". Niaj aranĝoj estis internaj. Malgraŭ tio jam en 1995 ni sukcese gastigis Internacian Junularan Kongreson de TEJO apud Sankt-Peterburgo.

Sed la ĉefa forumo de la tutmonda esperantistaro - Universala Kongreso de Esperanto neniam gastis sur la teritorio de nia lando. Se antaŭe ekzistis nevenkeblaj ekstermovadaj kialoj, NUN grandparte tio dependas NUR de ni, nur de nia unueco, nur de nia organiziteco, nur de nia volo!

Kion ni bezonas por UK okazu en Rusio?

Unue, stabilan ekonomian kaj politikan situacion en la lando; ni esperas, ke tiu finfine venos al nia lando dum la proksimaj jaroj;

Due, volon kaj deziregon tion fari;

Trie, fortajn landajn organizojn - REU, REJM kaj aktivan regionan kaj lokan agadon.

Ni, partoprenantoj de OkSEJT-40, alvokas ĉiujn kunlaboremajn esperantistojn de Rusio konsciiĝi pri la graveco de UK en Rusio kaj fari ĉion eblan en via agado sur loka, regiona kaj landa nivelo kaj kontribui laŭ viaj povoj kaj kapabloj por okazigi UK en nia lando. Ni proponas dum proksima duonjaro pridiskuti eblecon de tiu evento en kluboj, E-periodaĵoj, renkontiĝoj, privataj paroloj; kaj dum Rusia E-Kongreso en St.Peterburgo en marto 2001 pridiskuti kaj decidi, ĉu ni pretas por inviti al nia lando Universalan Kongreson en 2006 aŭ 2007 jaro.

Kaj TIO ne estas utopio! Ni sukcesos, se laboros komune!

*Ivanovo, 20.08.2000*

# ĈU NI VERE SUKCESOS?

Certe, la unuaj demandoj, kiuj aperas ĉe ĉiu esperantisto pri eventuala Universala Kongreso de Esperanto (UK) en Rusio, estas - ĉu tio estas reala? ĉu ni sukcesos? Verŝajne neniu povas respondi certan "jes" al tiuj demandoj (certan "ne" povas respondi multaj, sed ne por ili estas destinita la alvoko kaj tiu ĉi artikolo). Estas klare nur, ke ekzistas ĝusta vojo al neniama okazigo de UK en Rusio: ne kredi al ties ebleco kaj nenion fari por ĝia realigo. Sed se ni volas ke tamen iam la kongreso gastu en nia lando, ni devas ion fari por alproksimigi tiun tempon.

La ideo inviti UK al Rusio ŝvebis en aero jam dum kelkaj jaroj. En tiu ĉi jaro REU faris unuajn paŝojn por esplori eblecon de ties realigo. Dum printempa kunsido de TEJO-estraro en Rotterdam Grigorij Arosev parolis pri tiu temo kun oficistoj de CO (Centra Oficejo de UEA); dum Universala Kongreso en Tel-Avivo mi pridiskutis eblecon de UK en Rusio kun Nikola Rašić (Konstanta Kongresa Sekretario), Osmo Buller (Ĝenerala Direktoro) kaj kelkaj aliaj UEA-funkciuloj. Rezulte klariĝis kelkaj gravaj aferoj. Unue, la plej proksima jaro, al kiu ni povas reale pretendi, estas 2006, ĉar por 2001 kiel kongresurbo jam estas elektita Zagreb (Kroatio), por 2002 – Fortaleza (Brazilo), por 2003 – Göteborg (Svedio), por 2004 jam faris inviton kaj havas bonajn ŝancojn Pekino (la decido devas okazi en 2001 kaj ni tutegale preskaŭ ne havus ŝancojn sukcesi) kaj por 2005 estas forta intenco okazigi la kongreson en Rotterdam. Due, la plej taŭga urbo por la kongreso en Rusio estas tamen Moskvo, ĉar ĉefaj postuloj al tiu urbo estas jenaj: en ĝi devas troviĝi taŭga kongresejo kun la halo por almenaŭ 3000 homoj; la urbo devas esti vere alloga por eksterlandanoj; en la urbo devas esti sufiĉe da aktivaj geesperantistoj por esti kerno de la Organiza Komitato (en kiun certe eniros ankaŭ aliurbanoj) kaj fari kolosan laboron por preparo de UK. Trie kaj grave, UEA-estraro, kiu faras decidojn pri kongreslokoj, pozitive decidos pri Rusio nur se estos certa pri politika kaj ekonomia stabileco en nia lando, kaj tiu decido devas okazi tri jarojn antaŭ la kongreso mem. Kvare, ĉiuj konsentas, ke okazigi UK en Rusio estus vere bona afero.

Post tio ni okazigis en OkSEJT-40 diskutrondon pri la temo, rezulte de kiu aperis la alvoko. Necesas aldoni ankoraŭ kelkajn detalojn pri la diskuto. Plimulto interkonsentis, ke la plej taŭga jaro (se paroli tamen pri Moskvo) por la UK en nia lando estas 2007, kiam nia lingvo havos 120-jaran jubileon kaj la urbo – 860-jaran. Ĉiuj konsentis ankaŭ kun tio, ke nur per komunaj fortoj de diversaj rusiaj E-organizaĵoj kaj aktivuloj ni sukcesos realigi la aferon.

Mi atendas viajn reeĥojn. Ĉiuj senditaj al REGo opinioj pri la temo estos publikigitaj sur ĝiaj paĝoj.

*Garik Kokolija.*

*En aŭgusto pasis la plej populara E-aranĝo en Rusio kaj Eks-Sovetio, nome OkSEJT. Ĉi-jare okazis jam kvardeka, jubilea tendaro. En ĝi partoprenis 178 personoj el 47 loĝlokoj de 4 landoj (Rusio, Ukrainio, Belorusio kaj Germanio). Plej multaj gesamideanoj venis el Moskvo (26), poste sekvis Ivanovo (20) kaj Dimitrovgrad (18) (ĉiu interesiĝanto povas ricevi per la reto dosieron kun la tendara adresaro, por tio necesas nur sendi koncernan peton al Garik Kokolija). Ĉi-sube vi trovos impresojn pri la tendaro de tri partoprenintoj, kiuj reprezentas tri diversajn generaciojn de nia esperantistaro.*

# OkSEJT-40

*Miĥail Lineckij (Kievo)*



## POSTTENDARAJ IMPRESOJ KAJ PENSOJ

Pasis jam 40-a OkSEJT. Iam tiuj tendaroj estis tutsovetiaj kaj nun, post disfalo de Sovetio, same kiel multo alia, ili fariĝis tutrusiaj. Ne, mi tute ne volas diri, ke por ĉiuj nerusianoj la tendaro estas fermita - ĉiuj estas akceptataj bonvole kaj sendiskriminacie. Tamen malgraŭ la sama nomo, la tendaro fariĝas iom alia. Mi opinias, ke konservinte la formon, necesus tamen konservi ankaŭ ĉefajn trajtojn de la enhavo. Videblis deziro de la organizantoj fari ŝanĝojn en la koncepto de la tendaro por ke ĝi aspektu alie ol la antaŭaj. Sed ĉu iu povas diri, ke la antaŭaj tendaroj estis malbonaj aŭ neinteresaj? Ĉi-jare viktimis kelkaj iamaj ĉefaj programeroj - Neptunfesto (kvankam apudis belega lago) kaj KGS.

Ĝenerale vesperaj programoj en tendaroj de la lastaj jaroj (mi partoprenis ankaŭ en OkSEJT-39 en Tiĥvin) montris la EoLA-ecan tendencon - preskaŭ ĉiuvespere okazis aŭtoraj koncertoj kaj la partoprenantoj estis nure pasie-pasivaj aŭskultantoj. Mi ne estas kontraŭulo de aŭtoraj koncertoj - estas tre agrable aŭskulti kantadon de M. Bronŝtejn, M. Koĉetkova, G.Arosev, S.Bozin, A.Obrezkov kaj de la aliaj. Sed laŭ mi pro tio malgraviĝas la antaŭtendara prepariĝo de la simplaj partoprenantoj. Mi, kiel iama gvidanto de la kijivaj kluboj "Ora Pordego" kaj "KARE", povas certigi, ke nia prepariĝo por la tendaroj havis tre grandan kaj gravan signifon en kluba laboro el multaj vidpunktoj. Ankaŭ por ĉi tendaro (kvankam ekster la klubo) ni sufiĉe serioze prepariĝis. Ni (helpe de la tendaranoj) montris du spektaklojn - restaŭritan "Apero de esperantistoj" kaj tute novan, kreitan speciale por OkSEJT-40, spektaklo-muzikalon "Insigno de Reĝino aŭ post 20 jaroj" (la scenaron aŭtoris N.Ivanova, A.Krasuckij kaj mi), omaĝe al 20-jariĝo de OkSEJT-22, okazinta preskaŭ en la sama loko en la 1980. La spektaklo havis grandan sukceson. En ĝia finalo estis invititaj sur la scenejon veteranoj de OkSEJT-22: S.Smetanina, T.Loskutova, L.Maleĵ (Goreva), N.Olejnikova, G.Lenskaja, L.Lineckaja, I.Gonĉarova, M.Lineckij. Ĝis fino de la tendaro aperis ankoraŭ 3 veteranoj: A.Obrezkov, M.Bronŝtejn kaj tute neatendita A.Peĉonkin. Planis veni kaj partopreni en la spektakloj ankoraŭaj kijivaj veteranoj, sed bedaŭrinde ne sukcesis tion fari: A.Krasuckij, V.Drobjazko kaj pli junaj E.Strojkov, O.Mirgorodskaja, K.Golubcova kaj A.Gorodeckij (Poltavo). Pro tio la mankantaj artistoj estis "dungitaj" surloke. Tiuj estis

G.Kokolija kaj G.Arosev (Moskvo), M.Terjoĥina (Uljanovsk), O.Kuznecov (Klin), Ju.Turkina kaj K.Viĥrov (Ĉeboksari), A.Borodin (Krasnodara provinco), K.Demjanenko (Berdjansk) kaj R.Saveljev (Volgogrado). Al ĉiuj mi ankoraŭfoje esprimas mian elkoran dankon!

Dum lasta vespero okazis la komuna koncerto. Ĝi montris, ke la artistemaj fortoj abundas. Kelkaj spektantoj de la koncerto, kiu daŭris 3,5 horojn, estis devintaj eĉ fari dormpaŭzojn por ĝisvivi la lastan programeron. Certe ĉefa kaŭzo de la dormemo estis ne la koncerta programo, sed la akumuliĝinta laciĝo pro nesatdormo (kiel sekvo de aktiva partopreno en la tendara programo) dum la tuta tendara periodo.

Mi petas la legantojn ne konsideri kelkajn miajn suprajn vortojn kiel grumbladon. Ili estas nur pensoj de la homo, kiu ekde 1970 aktive partoprenis kaj organizis pli ol dekon da similaj aranĝoj. Sendube, dumtendare estis multegaj pozitivaj momentoj. Krom la tradiciaj diversnivelaj lingvokursoj okazis multaj aktivaĵoj en la grupoj, je kiuj estis dividita la tuta loĝantaro. Preskaŭ ĉiutage teamoj de slavoj, hunoj, ĉinoj, vikingoj, fajroadorantoj, indianoj kaj grekoj ricevadis diversajn taskojn, kiujn necesis plenumi dum 1-2 tagoj. Tiu maniero estas tre taŭga por bona interkonatiĝo, aktiva kolektiva krea laboro, mensa sturmo ktp. Estis tre interesa ankaŭ funkciado de t.n. “bloka” agado. Enkadre de tiu laboro okazis multaj variaj programeroj: Lingva Olimpiko, kursoj pri bal-, modern-, hind- kaj klakdancoj; sportaj ludoj (precipe volejbalo) kaj sportecaj grupoj pri aerobiko kaj ŝejpingo; primovadaj prelegoj kaj disputoj (far “patro” de nuntempa junulara movado A.Gonĉarov); lernado de ukrainaj popolaj kantoj (gvidis N.Ivanova); batiko kaj eble ankoraŭ iuj, kiujn mi ne rimarkis. Interesa estis demonstrado kiel funkcias “Lingva festivalo” (gvidis A.Blinov). Okazis tre impona prezento de spektakloj far ĉiuj grupoj, preparitaj surloke. Elstaris prezento de la “grekoj” - spektaklo “Orfeo kaj Eŭridika”.

Post partopreno en kelkaj kunsidoj de REU kaj REJM-estraroj, fine de la tendaro mi venis al firma konkludo - Ukrainio devas havi propran junularan tendaron! Kial? UNUE, por ukrainanoj estas iom kosta atingo de rusiaj tendaroj - la vojelspezoj superas la restadkoston. DUE, la antaŭa SEJM (ĉeforganizanto de la tendaro) ekzistis kiel junulara movado por KSŜ-landoj (almenaŭ teorie - rigardu Jarlibrojn de UEA). Nun SEJM-on anstataŭigis REJM - Rusia E-Junulara Movado. Sekve nun junaj ukrainanoj havas al tiu movado praktike neniun rilaton. TRIE, okazigo de la ukrainia junulara tendaro eble enspiros vivon al apenaŭ vegetanta ULEJ (Ukrainia Ligo de Esperantista Junularo). KVARE, ĝi povas esti bona motivilo por komenci lerni la lingvon en diversaj ukrainiaj urboj. Mi jam komencis la esplorlaborojn en tiu direkto. Min helpas antaŭ nelonge fondita Kijiva Junulara Societo. Mi penos fari ĉion, por ke la tendaro estu maksimume internacia. Ĝi okazos apud Kijivo inter 1 kaj 10 de julio 2001. Do, karaj rusianoj, kiuj delonge aŭ neniam estis en bela ĉefurbo de Ukrainio Kijivo - bonvenon al TUJE-1 (Tendaro de Ukrainia Junularo Esperantista) kaj vi ne bedaŭros!

---

*Konstantin Demjanenko (Berdjansk)*

## KIO VENOS ?

Ĝi estis lasta OkSEJT por la dua jarmilo. Tamen estas iusenca limo, kaj interese estus iom deflankiĝi kaj observi, kia venas OkSEJT al la sekva jarmilo.

ĈU MULTE DA HOMOJ partoprenas en OkSEJT? Se kompari kun komenco de 90-j jaroj, situacio laŭ tiu ĉi aspekto radike ne ŝanĝiĝis. Estis 1997 jaro, kiam en Volgogrado kolektiĝis apenaŭ 50 homoj kaj estis Tiĥvin (1999), kien venis preskaŭ 300 gees-

perantistoj kaj geamikoj de geesperantistoj. Al Ivanovo ĉi-foje venis, ŝajnas, ĉirkaŭ 170-180 homoj. Ĉu bedaŭri pri relative malgranda kvanto de gepartoprenantoj (vere, dependas, kun kio kompari; nu, komparu ni kun Universala Kongreso)? Apenaŭ estas senco. Iam aperas sento, ke tia OkSEJT, kian ni alkutimiĝis ĝin vidi, NE ESTAS aranĝo por pli ol 150-200 personoj. Ĉar ju pli multe da homoj, des pli malfacile estas prizorgi ilian unuigan kunagadon. Provu organizi lignofajrumon por 300 personoj (memkompreneble en ĝi partoprenos nur malgranda parto de ili). Provu atenti pri ĉiu tendarano, por ĉiu trovu ŝatatan okupon. Provu konatiĝi kun ĉiuj (ĝis fino de granda tendaro mi renkontis nekonatajn vizaĝojn de homoj, kiuj tamen portis tendarajn ŝildojn). Provu trovi sufiĉe grandan halon, kie ĉiuj dezirantoj povos spekti koncertojn... Ĉiuj notitaj supre aĵoj estas objektivaj malfacilaĵoj, kiujn memkompreneble devus simpligi organizantoj, se oni dezirus pligrandigi kvanton de gepartoprenantoj de OkSEJT. Alia demando – ĉu necesas?...



KIU NUN ORGANIZAS OkSEJT-ojn? Bonokaze estas interesa demando. De komenco de la 90-j jaroj oni pli-malpli certe povus diri, ke organizanto de SEJT-oj estas SEJM – Sovetia Esperantista Junulara Movado. Post IJK en SPb (1995) kun fakta deflankiĝo de aktivaj "eljuniĝintaj" geesperantistoj de SEJMa agado por OkSEJT venis krizo. De tiu tempo SEJM ne plu estis forta organizo, kaj tio ĉi ne povis ne respeguliĝi en SEJT-oj – bazaj SEJM-aranĝoj. Dum sekvaj du jaroj (1996 kaj 1997) "OkSEJT-a savinto" estis Garik Kokolija, kiu prenis grandan respondecon pri la tendaro. Kaj OkSEJT okazis kaj ĝi estis kutima laŭ tradiciaj aranĝoj esperanta tendaro. En 1998 jaro fortan puŝon al OkSEJT donis Ĉuvaŝia junulara movado (JEAĈR), kiu organizis tre bonan tendaron. Kiu ĉeestis, tiu memoras. Diru ni, ke en la sama jaro okazis EoLA en Ivanovo, kien venis nekutime multe da homoj (ĉirkaŭ 200), inkluzive forajn eksterlandanojn. EoLA-n organizis tre forta teamo, kiun sukcesis kolekti Andreo Ananjin. SEJM kontribuis, sed en multo kerno de EoLA-organiza teamo estis spertaj plenkreskuloj. Ĉar EoLA antaŭis OkSEJT-on, memkompreneble ĝi entuziasmigis homojn veni al la tendaro kaj kunlabori por ĝi. OkSEJT-39 kaj -40 organizis teamoj, kiujn kolektis Andrej Ananjin. Kaj onidire, REJM estas heredanto de SEJM kaj zorgoj pri la sekva OkSEJT kuŝas sur ĝiaj infanaj ŝultroj. Estas iom amuze, ke samtempe kun gejunuloj Andreo Ananjin, Garik Kokolija, Irina Gonĉarova, Saŝa Blinov, Dima Oŝĉepkov, Mikaelo Lineckij kaj aliaj spertaj plenkreskuloj "kernis aktivadan teamon" de junulara tendaro, sed samtempe alia simila tendaro de REU ne ekzistas.

De via konsento, geamikoj, mi permesu al mi sekvajn konkludojn:

1. Nun OkSEJT-on organizas teamo el diversaĝaj homoj, inkluzive junularon, sed respondecon pri gravaj teknikaĵoj dume portas plenkreskuloj. Fakte, OkSEJT estas KOMUNA ARANĜO DE RUSIA ESPERANTISTARO (kun iometa kontribuo de eksterlandanoj), inkluzive REU kaj REJM.

2. De tio sekvas, ke plenkreskuloj bezonas tendaron, specon de kiu laŭ tradicioj oni nomas "junulara". Ridinde, ke samtempe multaj tute ne dubas, ke aranĝo por plenkreskuloj devas esti ŝtonvizaĝe-enuiga, kun deĵoraj vesperaj koncertoj kaj enĉambraj drinkumadoj.

3. Plej efektiva paŝo de junularo al propra aranĝo (kiun oni ne nur nomas junulara, sed ankaŭ faras de junularo) estus apero de "organizemaj" aktivuloj, kiuj pretas preni re-

spondecon pri teknikaĵoj kaj kapablas ĝin porti. Sen tiu paŝo junularo ne havos tute propran aranĝon kaj grandparte plenkreskuloj decidos, kio por junularo estas pli interesa kaj utila (vere ili povos tion fari sincere kaj inspire, sed ĉu junulare?).

KIO NUN ESTAS OkSEJT? Se mi ne eraras, dum OkSEJT-39 oni pripensis kaj pridiskutis iun regularon, kiu celis framigi la tendaron. Por kiu celo? Ĉu tio estas bezonata? Ŝajnas, ke ĉio estas bonorde sen iuj reguloj. Tamen, karaj geamikoj, bonvolu atenti, ke: kiam homo venas al iu esperanta aranĝo, unuavice la homo atendas de la aranĝo iujn karakterajn por ĝi tradiciajn programerojn, kutiman etoson. Alivorte, unufoje dum ĉiu jaro oni venas al "konata lando", kiu estis iam fondita kaj vivas laŭ propraj leĝoj. De mala flanko: ĉiujara novverko de OkSEJTa programo povos kaŭzi preteratenton de tradiciaj reguloj kaj programeroj. Plej gravas, ke en tiu okazo diferenco inter OkSEJT kaj multegaj nun aliaj aranĝoj kvazaŭ malaperas. Provu ni pripensi, kio estas plej karaktera trajto de OkSEJT. Mi nun povas rememori minimume du:

En eklezia lernejo pastro demandas:
- Jimmy, kiel vi pensas, ĉu Noa multe fiŝkaptis, kiam li estis en sia arkeo?
- Malverŝajne multe, ja li havis nur du vermojn. *(esperanto-anekdot)*

- OkSEJT estas esperanta aranĝo, en kiu ĈIUJ gepartoprenantoj maksimume kunlaboras por la tendaro kaj ĝia programo. OkSEJT ĉiutage donas eblecon esprimi sin al ĉiu partoprenant(in)o kaj proponas diversajn kampojn por la sinrealigo (engrupe aŭ persone);

- OkSEJT estas LINGVA ARANĜO, kie oni prizorgas obeon de lingvoordo de ĉiuj gepartoprenantoj. Dume al Rusio neofte venas eksterlandanoj. Dume nur nemultaj el ni povas forveturi eksterlanden por praktiki tie Esperanton. Do OkSEJT estas loko, kie "samlingvanoj" konscie kreas "esperantan" lingvan ĉirkaŭaĵon por lingve perfektiĝi.

Kaj dume OkSEJT ne perdis ostojn de la principoj. Sed sekvas al ili oni ne tro sukcese....

Estas ankoraŭ unu trajto de OkSEJT, kiu nun realiĝas brile: diversgrada esperanta paroligo (perfektigo, ekzameniĝo) pere de kursoj, kursoj, kursoj... Plej freŝaj novaĵoj en OkSEJT estas multaj fakaj kursoj, trejnadoj ktp. Multaj el ili sukcesis kaj havas bonajn ŝancojn por iĝi tradiciaj. Arta karaktero de la tendaro estas tradicie diversaspekta. Preskaŭ ĉiutendare aperas novaj talentoj. Kaj, bonokaze, revigliĝinta EoLA inspirigas novulojn por arta kreado en E-movado. Do, restis nur atingi harmonion inter tradicioj kaj novaĵoj (kiel puran harmonion ni ĉi tie komprenas pacience reciprokutilan ĉeeston de malaĵoj). Tasko estas apenaŭ enuiga kaj vere inda por decido.

KIO VENOS? Por hodiaŭ ne tute klaras. Eblas, ke OkSEJT akiros skolt-turism-arbaran karakteron, kiu por junularo estas pli romantika. Ĉi-okaze oni ricevos bone izolitan de civilizo kaj ekstera socio propran esperantan societon, kun ĉiuj sinsekvaj plusoj kaj minusoj. Eblas, ke ankaŭ estonte oni organizos OkSEJT-on en ripozejoj, penante prezenti diversecon de proponotaj kondiĉoj al ĉiu alvenonto. Eblas, ke OkSEJT restos tiu, kiu ĝi iĝis dum lastaj du jaroj — tre demokratia kaj en multo popularigkaraktera por amikoj de Esperanto. Eblas ke oni daŭrigos radike eksperimenti, kaj la tendaro plu kaj plu ŝanĝiĝos.

Bone, ke por novuloj OkSEJT restas interesa, utila, bonetosa esperanta aranĝo. Sed... Ne eblas esti certa pri sorto de tendaro, kiun oni grandparte "verkas de pura folio".

Kion fari por esperantigi OkSEJT-on? Ja oni facile povos perdi homojn, kiuj venas al OkSEJT ekparoli esperante. Kion fari por atenti ĉiun homon kaj doni eblecon de sinrealiĝo al ĉiu? Ja sukceso de propra agado estas plej bona premio por ĉiu, kaj nenio alia

pli puŝas homon al plua aktivado. Samtempe, kiel maksimume direktigi kreajn fortojn de homoj por la tendaro? Nur donante al si la demandojn oni povas ricevi la respondojn.

*Olga Ivannikova (Ĉeboksari)*



## OkSEJT-40: PORDO AL NOVA MONDO

...Provu imagi jenan bildon: disfalantaj duetaĝaj konstruaĵoj de somera infana tendarejo, polveca kalko sur muroj, likas senescepte ĉiuj lavujoj, pendas kurbiĝintaj balkonoj... Kaj ĉio ĉi troviĝas sur la pitoreska bordo de mirakla lago, ĉirkaŭita per belega betula bosko, lago, en kiu floras nufaroj, kaj vespere reflektiĝas la purpura sunsubiro...

Ĉu provis? Ĉu sukcesis? Tiel vi proksimume imagas, kion mi sentis, alveninte en ĉiujaran tendaron de esperantistoj - OkSEJT. De unu flanko - senlima admiro pro norda beleco de Ivanova regiono, de la alia - hororo pro la perspektivo travivi preskaŭ du semajnojn en la averia bazejo. Mi sincere konfesu - estis deziro preni ne dispakitan dorsosakon sur la ŝultrojn kaj - reen, hejmen. Sed domaĝe estis forveturi ne eksciinte - kiuj vere estas renkontiĝoj de esperantistoj... Kaj la homoj, kiujn mi renkontis dumvoje, impresis...

Unuvorte mi restis, kvankam mi eĉ dum sonĝo ne povis vidi, kiom karaj, intimaj kaj ĝis doloro en kor' siaj iĝos por mi tiuj kompatindaj domaĉoj, kiom malfacile por mi estos adiaŭi kaj kun ili, kaj kun la lago, kaj kun la grandioza norda ĉielo, kiu en Ĉeboksari ne estas, kaj kun ĉio, kio havas ajnan ligon kun la arbara fabelo, havanta la nomon OkSEJT-40. Kaj eĉ pli - kun la homoj, kiuj dum tiuj dek tagoj iĝis por mi la plej proksimaj en la mondo.

Nun mi jam ne povas rememori ĉiujn eventojn, kiuj pasis dum tiu tempo. Ili estis tiom multaj kaj ĉiuj tiom diversaj, ke ĉiu tago estis kiel monato, kaj vespere jam estis malfacile rememori kion vi faris matene. Kaj ofte entute estis malfacile disdividi unu tagon de la alia, ĉar "hodiaŭ" iĝas "hieraŭ" nur post nokta dormo. Kaj se vi ne dormis kaj ĉi nokton kaj ankaŭ la antaŭan?...

Iom pli facile estas kun emocioj: ili memoriĝis pli bone, ĉar multaj el ili antaŭe ne aperadis kaj, verŝajne pro tio, admirigis. Komence estis vivega intereso al bolanta ĉirkaŭe vivo, sovaĝa deziro partopreni en ĉio, en kio eblas, kaj, samtempe, bedaŭro pro tio, ke ĉien ne eblas sukcesi. Pli proksime al mezo de OkSEJT alvenis laciĝo kaj malstreĉiĝo: mi ekvolis ion kvietan kaj trankvilan. Verŝajne la samo okazis ne nur pri mi, ĉar bolanta vivo en la tendaro malpliiĝis. Homoj laciĝis pro aktiveco, ili ekpreferis komunikadi unu kun la alia.

Persone al mi la dua duono de OkSEJT plaĉis multe pli ol la unua. Kaj eĉ se ne estis admira strebo ekscii kaj provi kiel eble pli multe da interesa kaj nova, sed estis grandega sento de libero kaj malstreĉiĝo, kvieta kaj mola lumo en la animo pro tio ke eblas esti mi mem ĝis la fino. Ne estis bezono, kaj des pli deziro rememori pri ĉiutagaj zorgoj kaj problemoj, kaj kutima vivo ŝajnis io malproksima kaj negrava. Vi diros ke tio ĉi estas vera apartiĝo de la realo. Eble. Ja tiam la realo estis ĉirkaŭ ni, la realo estis ni - malstreĉiĝintaj kaj pacemaj, kaj ĉio ligita kun ĉiutaga vivo en Ceboksari ŝajnis io malproksima, malantaŭspegula... Verŝajne pro tio por mi estis malfacile reveni al mia kutima, ĉiutaga "realo". Estas malfacile vekiĝi kaj ne kompreni, kie vi troviĝas, vidi gepatrojn, amikojn, konatulojn kaj konscii, ke ĉio ĉi estas via vera vivo, sed OkSEJT es-

tis nur epizodo de tiu ĉi vivo.

Kio al mi plej plaĉis? Tutcerte la etoso de ĉiesa amo, fido kaj harmonio, kiu regis en la tendaro. Spirito de interkomprenemo kaj akcepto de ĉiuj vidpunktoj, ĉiuj stiloj kaj opinioj, eĉ tro foraj de vi. Ne estis time malstreĉiĝi kaj montri sin tia, kia vi estas, kia vi volas esti, ne estas timo de prijuĝo aŭ primoko, ĉar ĉirkaŭe vi sentas amon, estimon, subtenon kaj akceptemon, pro kio la animo superpleniĝas per dankemo kaj reciproka amo al la ĉirkaŭuloj... En tiu etoso homoj ne sinĝenas montriĝi, eldiri siajn sentojn kaj emociojn, kaj vi vidas kiaj ili ĉiuj estas malfermitaj, talentaj, bonkoraj kaj simple bonegaj. Kaj pro tiu admiro pri la ordinaraj, unuarigarde, homoj iĝas tiom varme kaj sune en la animo, ke vi volas brakumi la tutan mondon kaj formanĝi karoton.

Kaj poste estis adiaŭo - malĝoja, sed denove - iel hela. Ĉar kiel diris unu mia amiko, ni adiaŭas por denove renkontiĝi, kaj se ni havas tiom varman adiaŭon - do kiom varmega estos onta renkontiĝo...

Mi amas vin ĉiujn, OkSEJTanoj!

*(tradukis Kostja Viĥrov kun helpo de Nirab Kajastĥa, redaktis Garik Kokolija)*

---

*Kaj nun mi iomete rakontos pri la ĉi-jara Universala Kongreso de Esperanto, kiu estas por tutmonda esperantistaro ne malpli grava, ol por la rusia – OkSEJT. Al la 85-a UK en Tel-Avivo, kiu okazis inter 25-a de julio kaj 1-a de aŭgusto, aliĝis 1212 geesperantistoj el 57 landoj, sed reale venis por partopreni ĉirkaŭ 1000. Inter ili estis proksimume 15 rusianoj kaj pli-malpli sama kvanto de eks-sovetianoj, kiuj elmigris kaj loĝas nun en aliaj landoj.*

*Garik Kokolija (Moskvo)*

## IMPRESOJ DE LA KONGRESO

UK-85

La unua afero, kiun mi sentis veninte al Tel-Avivo, estis varmo. Kvankam oni avertis min, ke somere varmas en Israelo, la realo superis ĉiujn prognozojn. Eĉ 10-minuta nokta promeno de la kongresejo al la hotelo ŝvitigis ne malpli ol unuhora saŭno. Mi eĉ ne sukcesis almenaŭ iom alkutimiĝi al tiu varmo kaj dum la sepa tago suferis ne malpli ol dum la unua (ne helpis eĉ tio, ke plejparto de mia vivo pasis en suda urbo Suĥumi). Kaj tamen la varmo estis preskaŭ sola manko de la kongreso, ĝi sentiĝis nur surstrate, ĉar ĉiuj ejoj kaj eĉ trafikiloj estis klimatizataj.

La lando mem estas interesa kaj esence diferenciĝas de kutimaj eŭropaj landoj, al kiuj plejparte vojaĝas por E-aranĝoj niaj samlandanoj. Estis interese vidi sur la stratoj miksaĵon el hebreoj, araboj kaj multaj alilandaj turistoj. Estis agrable preskaŭ en ĉiu vendejo aŭ kafejo trovi homon, kiu parolas ruse, kaj vidi ĉe la centra strato multajn vendejojn kun la libroj kaj muzikdiskoj el Rusio (Visockij kantis “ведь там на четверть бывший наш народ”, kaj reale proksimume unu sesono da israelanoj estas eks-sovetianoj). Kiel aldona kaŭzo por posta fanfaronado estis tuttaga ekskurso al Jerusalemo kaj Betlehemo, la plej gravaj urboj en historio de religio; ĝi okazis sabate, ĉar neniu alia ero povis esti en la programo en tiu “sankta tago”. Aparte agrabla por mi estis renkontiĝo kun mia amiko-samklasano (neesperantisto), kiu forveturis al Israelo antaŭ kelkaj jaroj; okazis ke hazarde apud li loĝis eks-rusia esperantisto Aleksandr Mikiŝev, de

kiu la samklasano eksciis pri mia partopreno en la kongreso.

Kio restis en la memoro de la kongreso mem? Renkontiĝoj kaj konatiĝoj kun multaj famaj esperantistoj, kiuj ekstere tute ne diferenciĝas de aliaj kongresanoj; la Libroservo, kiu estis, kiel kutime dum la kongresoj, ege granda kaj multtitola – mi elspezis por la libroj kaj muzikdiskoj pli da mono ol por loĝado kaj manĝo dum la kongreso; multegaj prelegoj pri la plej diversaj temoj, el kiuj elstaris prelegoserio de Humphrey Tonkin "Shakespeare tutmonda"; nacia vespero, farita de la plej fama israela folklora trupo "Anaĥnu Kan", kun preskaŭ triono da rusiaj popolaj kantoj; multhoraj ĉiutagaj kunsidoj de UEA-komitato, en kiuj rajtis ĉeesti ajna kongresano; kunsidoj de plej diversaj E-organizaĵoj kaj de ŝatantoj de la plej diversaj aĵoj (ekz. de katoj); teatraĵo de profesia kroata dramaktorino Vida Jerman laŭ "La poto" de Shalom Alejhem; detala laŭminuta programa de la kongreso, kompilita kaj presita en la kongresa libro kelkajn semajnojn antaŭ la kongreso kaj plenumita dum ĝi nur kun du tempoŝanĝoj je duonhoro kaj multo, multo alia.


*Interkona vespero ĉe la plaĝo*



*Preĝo en Esperanto en la plej antikva preĝejo de la mondo*

Impresis la kontribuo de nia Mikaelo Bronŝtejn al la kultura programo de la kongreso: prelego "Judoj en la rusa poezio", koncerto de propraj kantoj, gvidado de la koncerto de Jelena Puĥova kun kantoj laŭ liaj versoj, kompilado kaj gvidado kune kun ŝi de la Internacia koncerto, aŭtora duonhoro en la Libroservo... Tiuj aŭtoraj duonhoroj en la Libroservo ĝenerale estis interesa afero, ili okazis dufoje dum la tago, dum ĉiu el ili iu el la E-verkistoj rakontis pri si, siaj libroj kaj respondis demandojn. Plej plaĉis al mi la duonhoroj de Mikaelo Bronŝtejn, Claude Piron kaj Mikaelo Giŝpling, eksa moskvano, kiu loĝas nun en Israelo. Tre agrable estis fine de la UK ekscii, ke Mikaelo Giŝpling ricevis ĉi-jare la unuan premion en poezia branĉo de Belartaj Konkursoj de UEA.

**Kuriozaĵo!** Estis amuze observi dum la kongreso unu lokan aktivulon, kiu reklamis kaj disdonis la E-bultenon el Jerusalemo, ĉar tiu bulteno portis belsonan titolon "JEBULO"!

Kaj ĉe la fino mi ŝatus diri pri la plej forta impreso de Universalaj Kongresoj de Esperanto, kiu restis la sama malgraŭ ke mi jam dum ok jaroj ne partoprenis en tiuj kongresoj. Ĝi estas la mirakla sento kiam vi, troviĝante inter centoj kaj miloj da homoj, venintaj el dekoj da landoj, ne bezonas tradukistojn kaj komprenas absolute ĉiujn. Tio ĉiam estas la plej bona atesto pri perfekta funkciado de nia kara lingvo!

# AKTUALE

## V-a Lingva Festivalo

*en Ĉeboksari (21-22.10.2000)*

La organiza komitato de la jubilea Lingva Festivalo nun klopodas trovi interesajn kaj allogajn gastojn por la aranĝo. Jam respondis kelkaj eksterlandaj ambasadejoj en Moskvo: turka kaj franca. Nun ni tenas kontaktojn kun iliaj regionaj centroj en Kazanj (ĝenerala konsulejo de Turka Respubliko) kaj en Niĵnij Novgorod (Regiona centro de la franca lingvo). Ni trovis eblecon inviti al Ĉeboksari la oficiston de Eŭropa Buroo por malpli uzataj lingvoj Bertrand Menciassi (Francio/Belgio). Alveno de reprezentanto de tiu mondfama organizo povus esti vere utila por internacia movado de Lingvaj Festivaloj. La organiza komitato ankaŭ provas alvenigi reprezentantojn de organiza teamo de la TEJO-seminario “Lingva ĉielarko - ponto al kulturaj trezoroj”: Sonja Petrovic (Serbio) kaj Ĵenja Zvereva (Ukrainio). Ili planas aktive partopreni en antaŭfestivala programo kaj prezenti siajn lingvojn dum la Festivalo.

> II-a Lingva Festivalo okazis en Ivanovo 8.10.2000 dank’ al lokaj esperantistoj. Estis prezentitaj 24 lingvoj, partoprenis ĉirkaŭ 250 interesiĝantoj. *Andrej Grigorjevskij*

29.09.2000 enkadre de la informa kampanjo pri la Lingva Festivalo grupo de ĉeboksaraj E-komencantoj memstare organizis kulturan festivaleton “Karavano” en la urba lernejo №20. Dum la aranĝo estis prezentitaj Esperanto, turka, nepala, japana, hispana lingvoj. Ankaŭ temis pri prezento de kulturoj, landoj, kie oni parolas ĉi-lingve. Ĉefa publiko de la aranĝo konsistis el lernantoj de la lernejo. Por ili fine de la “Karavano” esperantistoj organizis malgrandan koncerton kaj konkursojn pri diversaj lingvoj, landoj, kulturoj kaj pri lingviko.

> 11-12.11.2000 okazos la unua Lingva kaj Kultura Festivalo en sveda urbo Vasteras. Ĉeforganizas ĝin loka esperanto-klubo. Pliaj informoj: Sjoerd Bosga <sjoerd@esperanto.se>

Dum antaŭa programo de la jubilea Lingva Festivalo finfine realiĝos kora revo de la organizantoj - ekfunkcios Internacia kinejo por ĉiuj interesitoj en sufiĉe granda urba kinejo "Sespel". Antaŭ la Festivalo en respublika biblioteko kaj en urba junulara biblioteko la oficistoj kaj organizantoj de la V-a Lingva Festivalo preparos ekspoziciojn de diverslingvaj libroj kaj lernaj libroj pri lingvoj. Tie ankaŭ estos prezentitaj E-eldonaĵoj.

## NOVAĴOJ EL LA MONDO DE LINGVAJ FESTIVALOJ

*Francio-Rusio, aŭgusto-septembro.* Daŭriĝas internaciaj kontaktoj inter organizantoj de Lingvaj Festivaloj en Toulouse (Francio) kaj Ĉeboksari (Rusio). En 1998 ili organizis Asocion de amikeco “Ĉeboksari – Toulouse”, kiu en 1999 kaj 2000 preparis vojaĝojn de ĉuvaŝaj artistoj kaj reprezentantoj de Junulara Esperanto-Asocio de Ĉuvaŝa Respubliko al “Prima de las Lengas” en tiu ĉi franca urbo. Nun dank’ al zorgoj de fama JoMo ĉuvaŝa grupo “Seren” denove planas viziti Francion ĉi-jare en oktobro. 9 koncertoj atendos ĉuvaŝajn artistojn en diversaj francaj urboj.

*Rusio, aŭgusto.* Dum OkSEJT, kiu okazis ĉi-jare apud Ivanovo, estis organizita malgranda Lingva Festivaleto. Inter partoprenantoj de la tendaro aperis lingvemuloj,

kiuj kun plezuro prezentis por publiko finnan, belorusan, japanan, nepalan lingvojn. Bedaŭrinde mankis tempo por ĉuvaŝa kaj turka. "Instruistoj" iom rakontis pri lingvoj kaj poste la publiko koruse lernis diverslingvajn bazajn vortojn kaj frazojn. Al ĉiuj tre plaĉis prezento de la finna, kiam la sankt-peterburga esperantisto dekomence kriis al aŭskultantoj "Hej" kaj ĉiuj respondis "Hej", kaj poste denove li kriis "Hej-hej" kaj ĉiuj denove respondis same! Fine de kriado la "instruisto" klarigis al surprizitaj homoj, ke ili ĵus salutis kaj adiaŭis kiel veraj finnoj!

*Preparis Jekaterina Jevlampieva, TEJO-komisiito pri Lingvaj Festivaloj*
ret-paĝaro pri Lingvaj Festivaloj: <www.esperanto.org/tejo/lf >

---

*Kiel vi verŝajne jam scias, printempe en Sankt-Peterburgo kunvenos granda kvanto* da samideanoj, ĉar inter la 4-a kaj 11-a de marto tie okazos samtempe du el tri la plej gravaj kaj popularaj E-aranĝoj en nia lando, nome Rusia E-Kongreso (REK) kaj la arta festivalo EoLA (Esperanto - Lingvo Arta). Ambaŭ aranĝojn organizas kune REU, REJM kaj peterburga E-klubo "Blankaj Noktoj". En la oktobro devas esti finelektita la ejo por la aranĝoj kaj difinitaj la kotizoj. Plej verŝajne baldaŭ vi ricevos unuan Informleteron pri REK+EoLA. Kaj jam eblas viziti ĝian retpaĝon <www.esperanto.spb.ru/rek-eola.htm>.

*Kaj la plej granda kaj populara nia aranĝo, OkSEJT okazos, kiel ĉiam, somere, plej* verŝajne aŭguste en Uljanovska regiono. Ankaŭ por ĝi nun estas serĉata la bazejo, tion faras uljanovska E-klubo kaj ĉefa loka respondeculo pri la tendaro Jurij Karcev. Samtempe REJM-aktivuloj jam nun laboras por prepari koncepton de la tendara programo kaj elekti respondeculojn por diversaj ĝiaj partoj.

*La 17-a Internacia Festivalo (IF), tradicia silvestra kaj novjarrenkonta aranĝo en* Germanio okazos ĉi-jare en 2000-jara urbo, Trier inter 27.12.2000 - 03.01.2001. La aranĝo ofertas bonetosan amuziĝon por la "dua generacio", inter 25 kaj 55 jaroj, kaj por junaj familioj kun aŭ sen infanoj. IF okazos en komforta junulara hotelo apud la rivero Mosel. La kadra temo de la aranĝo estas "Esperanto kaj infanoj". Okazos multe da interesaj prelegoj kaj pensinterŝanĝoj, eĉ diskutoj pri la maniero uzi Esperanton en la ĉiutaga vivo de familioj. Ĉiuj kontribuoj estas bonvenaj. Trier troviĝas en la mondfama germana vinregiono Mosel. La tuttaga ekskurso rilatas al la rivero kaj al vinvilaĝoj. Ĉiuvespere okazas interesaj programoj kaj eblas ĝui la servojn de la bufedo konata inter esperantistoj, "Knajpo". Ankaŭ ĉi-jare okazos la tradicia silvestra balo kun multaj amuzoj kaj bona etoso. Informoj kaj aliĝo eblas ĉe: *Hans-Dieter Platz (Postfach 1148, DE-34303 Niedenstein, Germanio; rete: hdp@internacia-festivalo.de). (Eventoj)*

*70-a ITALA KONGRESO DE ESPERANTO okazos de la 28-a de julio ĝis la 1-a* de aŭgusto 2001 en Triesto. Profitu de la okazo pasigi semajnon en Italio, tuj post la fino de UK en Zagrebo/Kroatio. Temas pri la tradicia renkontiĝo de italaj esperantistoj. La riĉa kongresa programo antaŭvidas prelegojn, esperantologian forumon, ekskursojn kaj urbajn vizitojn kaj ankaŭ kunvenon de Esperanto-Rondo de Alp-Adrio. Pliajn informojn vi trovos ĉe <http://www.esperanto.it/fei/congresso/index.html>. Triesta Esperanto-Asocio aparte bonvenigas la neitalajn gesamideanojn, kiuj elektos tiun ĉi aranĝon kiel postkongresa restado en esperantista etoso. *Edvige Ackermann (ret-info)*

# Bulteno de REU

*En tiu ĉi parto de la gazeto vi trovos diversajn informojn pri Rusia Esperantista Unio, pri ĝia historio, nuna stato, akceptitaj dokumentoj, lastaj decidoj de la estraro, planoj por la estonto, pri ĝia Libro- kaj aliaj servoj.*

REU estas Rusia Landa Sekcio de UEA. Ĝi estas oficiale registrita en Rusia Ministerio de justico kiel tutlanda socia organizaĵo. Ĉe REU funkcias Ĉefa Atesta kaj Lingva Komisiono (ĈALK), kies funkcioj estas kunordigo de lingva atestado de esperantistoj, atestado de E-instruistoj kaj aliaj ligitaj kun la lingvo aferoj.

Nuntempe en REU estas 43 dumvivaj membroj, 47 membroj, kiuj pagis la kotizon por tiu ĉi jaro, kaj 7 kluboj-membroj. Plena listo de REU-membroj estos publikigita en decembra numero de REGo.

La estraro de nia organizaĵo estis elektita dum la februara konferenco en Ĉeboksari enkadre de ĉi-jara REK kaj konsistas el tri personoj: prezidanto Andrej Grigorjevskij (Ivanovo) kaj vicprezidantoj Jurij Karcev (Uljanovsk) kaj Garik Kokolija (Moskvo). Sekretario de la Unio estas Mikaelo Ĉertilov (Moskvo), krome estas kelkaj komisiitoj pri diversaj agadterenoj. Dum Rusia E-kongreso, kiu okazos marte en Sankt-Peterburgo, pasos vica REU-konferenco kun reelektoj de la estraro.

Lasta kunsido de REU-estraro okazis en plena konsisto 30.09-01.10.2000 en Niĵnij Novgorod, enkadre de la renkontiĝo, dediĉita al 10-jariĝo de loka E-klubo "Ĉapelo". Sube vi trovos akceptitajn tie decidojn, kiuj iom komprenigas la planojn kaj celojn de nuna agado de nia organizaĵo:

- subteni la organizadon de OkSEJT kaj IvERo en la jaro 2001, antaŭvidi la eblecon pri okazigo de RET (Rusia Esperanto-Tendaro) ekde la jaro 2002;
- ĝis la fino de la jaro 2000 produkti novajn membrokartojn de REU, kiujn ricevu ĉiuj (re)aliĝantoj por 2001-a jaro;
- esplori pri produktado de plastaj saketoj kun E-reklamo kaj de stelformaj E-insignoj;
- (re)starigi korespondajn kursojn de REU, kies finintoj estu allogataj al la partopreno en la lokaj, regionaj kaj tutlandaj agadoj de la rusia E-movado;
- starigi la reton de la regionaj reprezentantoj de REU;
- instigi la ekfunkcion de la regionaj E-renkontiĝoj;
- ordigi kaj efikigi la laboron de la Libroservo de REU;
- prizorgi la libroeldonan programon de REU;
- plej aktive subteni la funkciigon kaj informan plenigon de la lanĉata E-gazeto REGo.

REU-estraro fiksis bazajn kotizojn por la individua membreco por la jaro 2001: *60 rubloj* por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ *(sendendaj al* **Георгий Коколия, Пятницкое шоссе 45 – 105, 123310 Москва**) kaj *10 eŭroj* por loĝantoj de aliaj landoj *(pagendaj al la konto* reua-p *ĉe UEA)*

Enkadre de tiuj planoj nun okazas serĉado de la regionaj reprezentantoj de REU. Jam aperis ruslingva libro pri E-o de Nikolaj Gudskov, baldaŭ estos eldonita nova lernolibro de Abduraĥman Junusov; dank al financa subteno de REU aperos aldona kvanto de la libro “Opasnij Jazik” (ruslingva traduko de “La danĝera lingvo” de Ulrich Lins).

# REJM-info

## TEJO-seminario “Lingva ĉielarko”

*25.03-01.04.2001* *Eŭropa Junulara Centro (Budapeŝt, Hungario)*

La seminario okazos dum la Eŭropa jaro de lingvoj laŭ la kutimaj kondiĉoj de EJC-seminarioj (plena repago de vojaĝkostoj de ĉiuj partoprenantoj, 35 partoprenantoj, du laborlingvoj k.s.). Ĉefaj celoj de la seminario estas montri, ke lingvo respegulas kaj malkovras kulturon de nacio, ke lingva lernado malfermas la mondon de aliaj popoloj, kulturoj; trejni por agado, kiu valorigas lingvan diversecon, unikecon, kun ĉefa atento al la fortigo de sukcesaj internaciaj projektoj, kiuj rilatas al lingvoj kaj kulturoj (ekz. movado de Lingvaj Festivaloj, Interkulturo, Indiĝenaj dialogoj).

La provizora seminaria programo inkluzivos: prelegojn pri rilatoj inter lingvoj kaj kulturoj, lingva diverseco kaj unikeco, multlingveco, interkultura lernado, lernado de lingvoj, psikologiaj aspektoj de la temo...; prezentojn de diversaj projektoj, kiuj celas stimuli al interkultura lernado pere de lingvoj; laborgrupojn, “rondajn tablojn” pri la temo; vesperan programon (kun lingvaj ludoj, diverslingvaj kantoj, poemoj, konkursoj de diverslingvaj parolantoj, poliglotoj, pri lingviko); Lingvan Festivaleton por ekstera publiko en Budapeŝto (ekz. por lernantoj de iu lernejo, kie oni pli profunde lernas lingvojn; kun konkursoj, malgranda koncerto).

Ĉiuj interesitoj pri kunorganizado de la seminario “Lingva ĉielarko - ponto al kulturaj trezoroj” estas bonvenaj! Vi povus pridiskuti: ĝeneralan koncepton de la seminario (celoj, celgrupoj); provizoran programon de la seminario; ret-paĝon de la aranĝo; eblecojn de informado pri la “Lingva ĉielarko”.

Por prelegi pri la temo de la seminario kaj prezenti iliajn lingvajn-kulturajn projektojn la organiza teamo kontaktas kun: ***Dennis Keefe*** (Usono/Francio), “patro” de Lingvaj Festivaloj en Turs (*Tours*, Francio), Illinojs (Usono); ***Sylvain Lelarge*** (Francio/Nederlando), kunordiganto de la projekto “Indiĝenaj dialogoj”; ***Mauro la Torre*** (Italio), kunordiganto de la projekto “Interkulturo”; ***Jean Marc Leclercq*** - Jomo (Francio), unu el organizantoj de Lingva Festivalo *“Prima de la Lengas”* en Tuluzo (Francio), fama kantisto kaj muzikisto; ***Katalin Smideliusz*** (Hungario), fama instruistino de Esperanto; ***Atilio Orellana Rojas*** (Brazilio/Nederlando), fama instruisto de Esperanto kaj kun aliaj fakuloj pri lingvoj.

<u>Pliaj informoj:</u> ***Ilja de Coster*** (financoj) <Ilja.DeCoster@rug.ac.be>, ***Ĵenja Zvereva*** (informado) <eugenia_zvereva@yahoo.com>, ***Katerina Jevlampieva*** (kunordiganto) <katjevl@cbx.ru>, ***Sonja Petrovic*** (ret-paĝo, vespera programo) <sonjulino@whoever.com>, ***Saŝo Ŝivarov*** (programo) <a_shivarov@mailroom.com>.

## Problemoj ĉe “esperanto.nu”

Pro denova pirata misuzo de la retadreso “esperanto.nu” komence de la septembro okazis gravaj ĝenoj ĉe la retpoŝta servilo. La mesaĝoj, adresitaj al uzantoj de tiuj adresoj nun ne povas esti liveritaj. Kaj ne eblas diri, kiam “esperanto.nu” povos denove funkcii.

Teknike ĉio aspektas proksimume sekve (rakontas Franko Luin, la prizorganto de “esperanto.nu”): “Iu sendas amase spamon (nedeziratan amasreklamon) kaj indikas kiel

sendanton iujn neekzistantajn adresojn ĉe “esperanto.nu”. La enhavo de la mesaĝoj senditaj estas faktaj reklamdissendoj plejparte usonaj, en kiuj la eventualaj adresoj, telefonaj numeroj kaj retadresoj tamen estas ŝanĝitaj al neekzistantaj. Tio sendiĝas verŝajne al milionoj da retadresoj (tiajn listojn oni povas aĉeti malmultekoste), el kiuj dek- aŭ centmiloj estas nefunkciantaj. Ĉiuj nelivereblaj mesaĝoj estas resenditaj al “esperanto.nu” kun erarmesaĝo kaj pro sia amaso blokas la servilon. Ne eblas spuri la sendanton, ĉar li aŭ ili uzas malsamajn vojojn. Iu, kiun mi ekzamenis, estis sendita de falsa argentina retadreso, al neekzistanta retadreso en Tajlando kaj de tie al grupo de finadresoj. El la ricevita erarmesaĝo evidentas, ke temas pri neekzistantaj retadresoj ĉe "juno.com". La dissendovojo varias, ankaŭ la sendanto (t.e. la retnomo ĉe “esperanto.nu”) konstante varias kaj la mesaĝoj same. Ŝajnas, ke la sendanto uzas programon, kiu generas hazarde la diversajn kombinojn kaj tiel efike kaŝas sian originon. Kio estas la celo de tiu agado, mi ne komprenas. Unu klarigo, kiun mi ricevis, estas, ke temas pri interreta terorismo, kiu celas ĝeni la interretan poŝttrafikon kiel eble plej multe, ĝis kiam ĝi paneos. Tio jam kelkfoje okazis. Ke “esperanto.nu” estis elektita, ŝajnis esti nur malbonŝanco. Sed nun jam iĝas tutklare, ke la spamado celis ĝuste la retojn de “esperanto.nu”, sed ne ke ĝi estas hazarda viktimo, ĉar similaj ĝenoj okazis jam pli frue. Kaj ne nur ĝenoj, sed ankaŭ negativa stampo, ke “esperanto.nu” spamadas, t.e. ke esperantistoj tion faras.”

## StRIGo (Studa Renkontiĝo de Iniciatema Generacio)

Jam tradicia kaj rekonata por multaj ne nur Rusiaj esperantistoj aŭtuna E-seminario, organizata de MASI (Moskva Amikaro de Studantoj kaj Instruantoj), okazos ĉi-jare en la urbo Tverj 4-an - 7-an de la novembro. La temo de tiu ĉi, la 6a, StRIGo estas “Kluba vivo”. La aranĝo ĉi-foje estas organizata kunlabore kun REJM kaj REU. Dum la StRIGo vi povas trejniĝi pri kiel organizi kaj gvidi ne nur klubojn, sed ankaŭ diversajn aranĝojn: Lingvajn Festivalojn, Festivalojn de Interesoj, Ago-Tagojn kc. Kaj trejnos vin pri tio famaj esperantistoj: Anatolo Gonĉarov, Andreo Grigorjevskij (Ananjin), Irina Gonĉarova, Aleksandro Blinov kaj aliaj... Ĉu vi ekinteresiĝis? Kontaktu nin urĝe por ricevi pli detalan informon pere de la ret-adreso <esperanto@online.ru> (Oĉjo), telefone (095) 5930575 (Irina Gonĉarova).

REJM enkadre de la renkontiĝo okazigas sian Aktivul’-Trejnan Seminarion (ATS) por trejni estontajn klubgvidantojn. Ĝi celos aktivulojn de E-kluboj en la Centra Parto de Rusio. La seminario konsistos el iom da temaj prelegoj kaj multe da praktikaj trejnadoj kaj komunaj diskutoj. Ĝi inkludos jenajn subpartojn: 1) teorio kaj principoj de fondo kaj funkciado de kluboj (strukturo, grupa dinamiko ktp); 2) enkluba agado (klubaj kunvenoj, E-festoj, kiel Tago de libro, plialtigo de interesiĝo de klubanoj pri kluba vivo, instalo de kontaktoj kun aliaj kluboj, okazigo de Esperanto-kursoj); 3) eksterkluba (porsocia) agado (Festivaloj kaj aranĝoj por ekstera publiko, Ago-tago); 4) eksteraj rilatoj (registriĝo, rilatoj kun amaskomunikiloj, rilatoj kun aliaj organizoj, rilatoj kun oficialaj instancoj, rilato inter kluboj kaj REJM, TEJO ktp); 5) komuna ellaboro de plano por pliaktivigo de surloka kluba agado kaj kreado de ligoj inter kluboj.

La temo “Kluba vivo” estis elektita ne hazarde, ĉar de unu flanko forteco de E-agado dependas de aktiveco de homoj surloke, kaj de alia falnko - plej malfacile estas organizi ĝuste lokan agadon. Rezulte de ĉi seminario estas planata eldono de broŝuro “Kluba vivo” kun konsiloj kaj praktika informo por provizi homojn per bazaj scioj pri kluba agado. Se vi interesiĝas partopteni en ATS, bv. turni vin al Natalija Grigorjevskaja (grina@newmail.ru), respondeculo de REJM pri seminarioj.

# Eksciu, ke...

## *UEA EN GRAVA FORUMO*

De la 22-a ĝis la 26-a de majo 2000 ĉirkaŭ 1300 reprezentantoj el 700 neregistaraj organizaĵoj (NRO-oj) partoprenis en la Jarmila Forumo ĉe la sidejo de Unuiĝintaj Nacioj en Novjorko. Universala Esperanto-Asocio estis reprezentita de prof. Lee Chong-Yeong, d-ro Mark Fettes kaj de la konstanta UEA-reprezentanto en UN, Rochelle Grossman. La Forumo estis iniciato de la NRO-oj mem, responde al la planoj de UN okazigi grandan pintkunsidon de ŝtatestroj ("Jarmila Pintkunsido") en septembro 2000. La organizantoj esperis tiamaniere iom influi la interregistarajn diskutojn pri la estonteco de UN. La UEA-grupo celtrafe laboris por levi la konscion pri lingvaj rajtoj kaj lingvaj problemoj. Disdoniĝis multaj centoj da informiloj, i.a. kajero kun la Manifesto de Prago en la ses oficialaj lingvoj de UN, kaj plurfoje en la pleno la delegitoj de UEA prenis la mikrofonon por atentigi pri lingva dimensio de la diskutoj. Fine, en la rekomendojn de du tem-grupoj, pri Homaj Rajtoj kaj pri Tutmondiĝo, ili sukcesis enmeti frazojn pri lingvaj rajtoj, la konservado de lingva diverseco, kaj la bezono de egaleca interkultura komunikado. En la lasta tago UEA aranĝis apartan kunsidon pri "Lingvo kaj Homaj Rajtoj", nome de la Koalicio de NRO-j por Internacia Helplingvo. Kvankam ĉeestis nur reprezentantoj de Transnacia Radikala Partio, Mondfederista Movado kaj Ŝintoismo, la kunsido montriĝis tre utila por disvolvi komunan strategion en la rondoj de UN. Tre klare sentiĝas bezono de NRO-grupo, kiu konstante konsciigu pri la rolo de lingva diverseco en socia evoluo kaj monda demokratio, kaj kiu varbu aliancanojn inter la ŝtatoj same kiel ĉe la diversaj branĉoj de UN. Nur surbaze de tiu pli vasta konscio, la kontribuo de Esperanto povos ricevi pli vastan agnoskon kaj subtenon.

***

**Forumo 2000 en Tokio kun multaj E-aj programoj.** En la Forumo de Minato 2000, kiu okazis la 9-an de septembro kaj estis organizita de la loka branĉo de Neregistaraj Organizoj de UN, troviĝis programoj de esperantistoj, organizitaj de Rondo Hobio en kunlaboro kun aliaj grupoj en Tokio kaj ĉirkaŭaĵo. Okazis diversaj prelegoj kaj diskutoj kun dekoj da partoprenantoj. La Forumo komenciĝis je la 10-a matene kun diskuttemo: "Kiel ni vivu en Japanio, nacio kun multaj popoloj?", kiun ĉeestis ĉirkaŭ 30 kaj ĝi estis organizita de Asocio de Lernejaj E-istoj. Temas pri E-istaj instruistoj ĉefe. Tagmeze dum pli ol du horoj okazis diskutkunsido kun prelegoj de Irana kaj Pola e-istoj kaj usonano pri lingva situacio en iliaj landoj. Poste oni komune diskutis pri la alia temo, kiu ornamis la kunvenejon "Kio estu komuna lingvo por civitanoj de la terglobo? Kial ĝi ne estu la angla?". Pli ol 50 venis por aŭskulti kaj partopreni en la diskuto kaj la ĝenerala sinteno de ankaŭ nee-istoj estis nea pri taŭgeco de la angla kiel la internacia lingvo. Al la kurso de Esperanto kiun gvidis japana E-isto fama pro siaj korespondaj kursoj sukcesaj, venis 12 kaj fine oni spertis retan komunikadon kun E-istoj de Honkongo kaj Pekino. ***Reza Kheirkhah*** *(ret-info)*

24-n de novembro festos sian 25-jaran jubileon Krasnojarska E-klubo, unu el la plej konataj kaj fortaj E-kluboj de nia lando. Korajn gratulojn al ĝi en nomo de REGo!

## LA ANGLA NE IĜOS SENOPONE LA LINGVO DE INTERRETO

James Murdoch, la plej juna filo de la amaskomunikila magnato Rupert Murdoch, avertis, ke la angla ne iĝos senopone la lingvo de Interreto, kaj internaciaj firmaoj devas enkalkuli ĝian malpliiĝantan gravecon. Parolante ĉe la internacia televida festivalo en Edinburgo, Murdoch, administranta vicprezidanto de la firmao News Corp de sia patro kaj direktoro ankaŭ de la azia pagtelevida firmao Star TV, diris, ke, kvankam la angla restas ŝlosila lingvo por interretuzantoj, aliaj lingvoj pligraviĝas, kiel la ĉina, la hindia kaj la hispana. Se komunikilaj firmaoj volas konkuri en la tutmonda merkato, li diris, ili devas enfokusigi ĉiujn kvar lingvogrupojn. "Ĉi tiuj kvar grupoj, ĉiuj tutmonde disvastiĝintaj, estas kaj plu estos plene superaj rilate la suman grandon de la merkato." Li aludis esplorojn faritajn en Usono, kiuj antaŭvidas, ke, kvankam duono el la nuna uzantaro de Interreto estas usonanoj, tiu proporcio falos ĝis triono ĝis 2004. Li diris, ke Goldman Sachs, la investaj bankistoj, taksas, ke troviĝos 96,6 milionoj da interretuzantoj en Ĉinio ĝis 2002. Kreskado de Interreto en Ĉinio superas la prognozitan kreskon je 25%. La ĉina, li atentigis, estas la plej parolata lingvo kun 835 milionoj da parolantoj, sekvate de la angla kun 470 milionoj, la hispana kun 330 milionoj kaj la hindia kun 300 milionoj. En Usono kaj Britio, li diris, "la koncepto pri kultura imperiismo marŝas antaŭen, malatenta pri ŝvelantaj neanglalingvaj merkatoj, aŭ, pli malbone, konscia pri ili, sed ankoraŭ kredanta, ke la komuna lingvo de la moderna epoko estas kaj plu estos la angla. Estas vere, ke la angla estis la ĉefa lingvo de Interreto ĝis nun, kaj estas vere, ke ĝi ĉiam estos grava potenco, tamen, dum konektado penetras pli profunden en la grandegajn merkatojn ekster Eŭropo kaj Usono ... oni malpli uzos rete la anglan." La angla ne iĝos la "implicita lingvo" de la cifereca mondo.

*Laŭ "The Guardian" (brita tutlanda ĵurnalo), 2000-08-29.*

***Edmund Grimley Evans** (ret-info)*

## MALGRANDA FINA VENKO EN HUNGARIO – SEN PREPARO

Hungario estas inter tiuj malmultaj landoj, kie la ŝtato oficiale rekonas la Internacian Lingvon. Pruvas tion pluraj faktoroj, kiel apero de E-lingva klariga teksto en la telefonlibroj, fervojaj horaroj, ekzisto de aparta E-fako en la Budapeŝta Universitato ktp. Pasintjare oni akceptis novan leĝon, kiu transformis la strukturon de la ŝtate rekonitaj lingvo-ekzamenoj. En la unua paŝo estis rekonitaj nur 7 fremdaj lingvoj, kaj nun, post plurmonata klopodo la 25-an de septembro oni akreditis ankaŭ Esperanton!

Tio signifas, ke ekde post 2-3 semajnoj oni denove povos plenumi ŝtate rekonitajn lingvo-ekzamenojn ankaŭ pri la Internacia Lingvo. Ĝia sekvo estas, ke oni denove rajtos fari abiturientan ekzamenon en E-o, oni konsideras la lingvo-ekzamenon (mezan aŭ supernivelan) kiel krompoentoj ĉe la priakcepta ekzameno al universitatoj, ĝi estos utiligebla ankaŭ kiel kondiĉo por ricevo de altlernejaj diplomoj, kaj oni eĉ rajtos ricevi kromsalajrojn en koncernaj laborejoj. Plej grava estas la supra "diplom-kondiĉo", ja ekde 3 jaroj studentoj en altlernejoj kaj universitatoj rajtas ricevi sian diplomon, nur se ili havas 1 au 2 ŝtate rekonitajn lingvo-ekzameno(j)n. Tiu kondiĉo instigis multcentojn da studentoj eklerni Esperanton, kaj la nuna akreditado remalfermas la pluan pozitivan vojon al pli vastskala E-instruado.

Oni ja povus taksi tiun eventon kiel "malgranda fina venko". Bedaŭrinde la realaj okazaĵoj tre bone montras la netaŭgan funkciadon de la nuna E-movado, ja la hungariaj E-organizaĵoj tute ne estis preparitaj al tiu "venko". En la pasinta kaj en la antaŭpasinta jaroj la tutan aŭtunon sonoris la telefono en la Budapeŝta E-Domo (sidejo de Kultura

E-Asocio "Eventoj") kaj oni petis startigi E-kursojn, peri instruistojn, disponigi vortarojn, lernmaterialojn el plej diversaj anguloj de la lando. Malgraŭ la ekzisto de tradicia landa asocio kaj ankaŭ de landa ILEI-sekcio, ne estis preparita landa listo de instruistoj kapablaj kaj volantaj instrui la lingvon en kursaj sistemoj. Pro tiu "atako" dum kelkaj monatoj elĉerpiĝis la vortaroj en la librovendejoj kaj en la E-asocioj, evidentiĝis ke la ĝisnunaj lernolibroj ne kontentigas la postulojn de studentoj, kaj ne estas solvita la normala informfluo kaj administra strukturo. Venis do malgranda "fina venko", sed la tradicia movado ne estis preparita. Malfaciligis la aferon, ke eĉ multaj el la ĝisnunaj aktivuloj preferis rigardi sian "raŭman umbilikon" anstataŭ zorgi pri la strukturaj kontentigoj de postuloj.

Estas tamen pozitive, ke nun la situacio ŝajnas stabiliĝi. Danke al la daŭra publika reklamado farita de Kultura E-Asocio Esperanto iĝis vastskale konata. Estis produktita kaj dissendita reklamafiŝoj al preskaŭ ĉiuj mezlernejoj, estis eldonita nova, moderna flugfolio en multmil ekzempleroj, aperis plurdekoj de gazetanoncoj, interretaj ligoj al E-instruaj paĝoj, ni ĉeestis la lingvo-festivalon en Budapeŝto, estis invititaj al televida intervjuo ktp. Kaj la tradicia landa asocio, kaj ni kompilis liston de E-instruistoj, eldonis vortarojn kaj lernolibrojn, kaj nun okazis ankaŭ la akreditado de nia lingvo ĉe ŝtataj instancoj. La ŝanco do denove ekzistas por Esperanto en Hungario...

***László Szilvási,*** prez. de Kultura E-Asocio ĉe Eventoj *(ret-info)*

## KOTIZOJ DE UEA POR 2001

La kotizoj de UEA restos en 2001 samaj kiel en 2000. Por Rusio ili aspektas jene:

| | | |
|---|---|---|
| 4 EUR | - MG | (Membro kun Gvidlibro, ricevas la Gvidlibron); |
| 10 EUR | - MJ | (Membro kun Jarlibro, ricevas la Jarlibron) aŭ MJ-T (MJ malpli ol 30-jara, individua membro de TEJO; ricevas ankaŭ la revuon "Kontakto" kaj la bultenon "TEJO tutmonde"); |
| 24 EUR | - MA | (Membro-Abonanto, ricevas la Jarlibron kaj la revuon "Esperanto") aŭ MA-T (MA malpli ol 30-jara, individua membro de TEJO; ricevas ankaŭ la revuon "Kontakto" kaj la bultenon "TEJO tutmonde"); |
| 14 EUR | - SA | (Simpla abono de "Esperanto", ne inkluzivas membrecon en UEA); |
| 9 EUR | - Kto | (Simpla abono de "Kontakto", sen membreco en UEA/TEJO); |
| 48 EUR | - SZ | (Societo Zamenhof - por finance apogi UEA). |

Kiel individuaj membroj de TEJO (MJ-T aŭ MA-T) por 2001 estos registritaj tiuj individuaj membroj de UEA, kiuj estos malpli ol 30-jaraj la 1-an de januaro 2001 (t.e. kiuj naskiĝis en 1971 aŭ poste). Ankaŭ Dumvivaj Membroj samtempe membras en TEJO, dum ili estas malpli ol 30-jaraj. Eblas aboni ankaŭ "TEJO tutmonde" sen esti membro de TEJO. La abonprezo estas duono de la MJ-kotizo. La agadon de TEJO oni povas apogi fariĝante Patrono de TEJO. La kotizo estas 3-oblo de la MJ-kotizo. La Patronoj ricevas ambaŭ eldonaĵojn de TEJO, "Kontakto" kaj "TEJO tutmonde". Oni povas pagi pere de la perantoj de UEA en Rusio, kiuj estas Miĥail Ĉertilov (a/k 21, 143000 Moskvo-Odincovo-6) kaj Halina Gorecka (a/k 67, 620077 Jekaterinburg). *(CO de UEA)*

## TELEVIDO: NEKONATAJ KONATOJ

Jam kelkajn jarojn en la kanalo TV6 estas emisiata la populara programo "Vi - oĉevidec". Unu el ties elsendoj estis dediĉita al la moskva familio Staneŝnikova - Jodis, esperantistoj ĝis 3-a generacio. Tamen ne multaj scias, ke ankaŭ la gvidanto mem de la programo, Ivan Usaĉov, estas esperantisto. Antaŭ proksimume 20 jaroj li estis ri-

markinda aktivulo en Moskva Centra E-klubo kaj ne malbone parolis la lingvon. En 1982 lernis Esperanton kaj klubaniĝis Aleksandr Uňov, kiu tiam laboris en la redakcio de la ĉefa novaĵ-elsendo "Vremja". Nun oni ofte povas vidi lin en la programo "Vremečko" (TVC). La konata komentisto de ORT Sergej Dorenko siatempe okupiĝis pri interlingvistiko. Tiun studobjekton al li instruis S.N.Kuznecov (nun membro de la Akademio de Esperanto) en la histori-filologia fakultato de la Universitato "Patris Lumumba", kiun Dorenko finis en 1982. Tiam la juna interlingvisto verkis 16-paĝan artikolon "La lingvoj en internaciaj organizaĵoj", kiu estis publikigita (ruslingve, kun resumo en Interlingua) en la unua kajero de la fama serio "Interlinguistica Tartuensis"; tiun artikolon referencis S.N.Kuznecov en p. 42 de sia renoma libro "Teoretiĉeskie osnovi interlingvistiki".

*Viktor Aroloviĉ*

## LIBROSERVO DE UEA EN LA RETO

La perinterreta komercado estas ne la estonto sed jam la nuno de la monda komercado. Jam de pluraj jaroj ekzistas pli kaj pli da nacilingvaj "retaj vendejoj". La valoro kaj sukceso de la retaj inform- kaj vendopaĝoj estas pli kaj pli granda pro la rapido kaj komforto de tiuj servoj. En Esperantio ĝis nun la plej granda interreta vendejo estis la Retbutiko de Flandra E-Ligo, sed antaŭnelonge ankaŭ UEA malfermis sian retan vendejon. UEA rearanĝis sian retpaĝaron, tiel ili estas pli efike trarigardeblaj kaj uzeblaj. Kadre de tiu reordigo la kompleta katalogo de libroj, diskoj, kasedoj, videofilmoj, insignoj k.a. varoj vendataj de la Libroservo de UEA estas nun konsultebla en retpaĝaro ĉe <http://www.uea.org/katalogo>. Kun 4100 titoloj la sortimento estas senkompare la plej granda en Esperantujo. En la reta katalogo oni povas serĉi librojn laŭ kategorio, titolo, aŭtoro, tradukinto kaj traduklingvo. Oni povas tre facile elekti la deziratajn varojn, kompili mendon kaj sendi ĝin al la Libroservo de UEA, kiu tuj plenumos ĝin. La katalogo estas ĉiam aktualigata, dum la libroforma katalogo, neeviteble iom post iom malaktualiĝos. La enretigo de la katalogo estis teknike realigebla danke al la kompetenta volontula laboro de Michael Meeuwissen el Nederlando. *(ret-info)*

## LA PLEJ GRANDA KATALOGO EN INTERRETO

Internacia Esperanto-Muzeo de la Aŭstria Nacia Biblioteko, kiu posedas la plej grandan planlingvan bibliotekon, realigas ekde 1996 unikan projekton: la kreon de la elektronika katalogo TROVANTO, konsultebla en Interreto. En la nuna momento troviĝas jam pli ol 9.400 rikordoj (dokumentoj) en ĝi, kaj tiu nombro kreskas ĉiumonate. Jam nun ĝi estas la plej granda katalogo pri Esperanto kaj interlingvistiko. Kiuj dokumentoj estas indikitaj en TROVANTO? Libroj, broŝuroj, eksterkomercaj publikigaĵoj, manuskriptoj, aŭd- kaj vidkasedoj, kompaktdiskoj, sciencaj artikoloj en libroj ktp. (sed ne revuoj). Laŭ kiuj kriterioj oni trovas la dokumentojn? Laŭ aŭtoroj, titoloj, titolvortoj, temoj, eldonejoj, eldonlokoj, jaroj ktp. La muzeo invitas vin regule viziti ĝin. Ĝia adreso: <http://www.onb.ac.at/online_s/onspdbfr.htm>. *(ret-info)*

## PLENA KALENDARO POR VI

La "Plena Kalendaro de Esperantaj Aranĝoj" estas unu el la plej popularaj E-retpaĝoj (http://www.esperanto.hu/kalendar.htm). En ĝi, aktualigata ĉiumonate, estas listigataj ĉiuj Esperantaj aranĝoj, renkontiĝoj (dato, nomo, retpaĝo, adreso de organizantoj ktp). Se mankas iu renkontiĝo - bonvenas ankaŭ via kompletigo. Se vi estas organizanto, antaŭ ol decidi pri la dato de via aranĝo estas utile konsulti la "Plenan Kalendaron" - por eviti eventualajn koliziojn kun la jam anoncitaj aranĝoj. Post la decido

informu pri via aranĝo por senpage enlistigi ĝin! Se vi estas aktiva kaj vojaĝema esperantisto, utiligu la servon, kaj helpu kompletigi aŭ korekti ĝin. La plena listo aperas po monataj blokoj en la gazeto "Eventoj", kaj vi povas ricevi ilin ankaŭ retpoŝte, se vi sendos mesaĝon (enhavo ne gravas) al la aŭtomata adreso <kalendaro@esperanto.org>.

## NOVAJ RETLISTOJ

Ĉe la servilo "egroups" estas kreitaj 2 novaj retlistoj: per-esperanto-ĝenerale kaj per-esperanto-turisme. Se vi interesiĝas ĝenerale pri agado PER Esperanto, vi estas invitata aliĝi al la unua listo sendante malplenan mesaĝon al: <per-esperanto-gheneralesubscribe@egroups.com>. Se estas homoj, kiuj interesiĝas pri agado en turismo per Esperanto, bonvolu inviti ilin sendi malplenan mesaĝon al <per-esperanto-turismesubscribe@egroups.com>. Administraj estroj de la listoj estas Eŭgeno Perevertajlo kaj Miĥail Lineckij. *(ret-info)*

## IMITINDE, EKZ. (SED NE NUR) ĈE AGO-TAGO

Lokaj esperantistoj el la urbo Lodz, Pollando pruvis per sia agado, ke samideanoj devus senti sin devigitaj zorgi pri ofte forgesataj ZEO objektoj. La 16-an de septembro je ĉeesto de invititaj ĵurnalistoj ili purigis bronzan tabulon kun bareliefo de Ludoviko Zamenhof pendantan ĉe la strato nomita pri la iniciatinto de nia lingvo. Purigitaj estis ankaŭ ĉiuj strataj tabuletoj laŭlonge de lia strato. Tiu ĉi agado okazis dum la 81-a datreveno de dono al la unua strato en Pollando nomon de L. Zamenhof kaj estis samtempe bona okazo por propagandi per flugfolioj la ideon de internacia lingvo kaj rememori al loĝantaro pri ekzisto de E-movado en la urbo. La evento, malgraŭ ke sen iu granda impeto, fruktis per intervjuoj en du lokaj brodkastejoj, raporto en loka televido kaj lokaj gazetoj kaj anonco de pli granda artikolo en la gazeto. Esperantistoj el Lodz per sia agado volus ankaŭ alvoki fondintojn de ĉiuj tabuloj kaj monumentoj al zorgado pri ili. En nomo de lodzaj esperantistoj *Aleksander Kaminski.* (ret-info)

## LA POLA MINISTRO PRI EDUKADO REKONIS ESPERANTON

La 24-an de aŭgusto 2000 en la oficiala pola leĝ-ĵurnalo aperis dekreto de la Ministro pri Nacia Edukado, laŭ kies alineo 4-a findiplomoj de la Internacia Studumo pri Turismo kaj Kulturo de "Monda Turismo" en Bydgoszcz fariĝas en Pollando oficialaj dokumentoj, laŭ kiuj turismaj ĉiĉeronoj kaj vojaĝgvidantoj rajtas labori en la lingvo Esperanto. La dekreto estas la unua tiom altranga ŝtata leĝo koncernanta Esperanton depost la ŝanĝo de la politika sistemo en Pollando antaŭ dek jaroj, kaj danke al ĝi jam nun videblas pli da intereso lerni Esperanton, studi turismon kaj kulturon ĉe ISTK. A.Grzebowski *(per-esperanto-turisme)*

## NOVA ZEO EN MALBORK

En la ĉebalta pola urbo Malbork, konata pro la plej granda brika kastelo en Eŭropo, oni inaŭguris novan Zamenhof/Esperanto-Objekton. En junio estis inaŭgurita monumento pri la iniciatinto de la internacia lingvo - d-ro Ludoviko Zamenhof. Post la "placo Zamenhof", kverko "Esperanto" kaj memorŝtono "Esperanto" ĝi estas la kvara ZEO en tiu urbo. Ĉio estis realigebla danke al bona aktivado de la loka E-grupo. Malkovron de la monumento plenumis prezidanto de la urbo Mieczyslaw Gutowski. En la solenaĵo partoprenis ankaŭ la prezidanto de PEA Stanislaw Mandrak. Solenaĵon ornamis folklora grupo el Hispanio "Aragon" gvidita de konata hispana esperantisto A.Casquero. *(Eventoj)*

# maltaŭgaj pensoj: UK-2007: kie?!?!?!?!

Kun forta kortremo ni tralegis alvokon de la OkSEJT-partoprenantoj pri la Universala Kongreso (UK) en la jaro 2007.

Hura! Ni decidis esplori la eblecon okazigi ĉi aranĝon en nia lando. Tamen la ĉefa problemo evidentiĝis jena: pri kiu lando temas? Vi povus tuj diri: "Baf, kia absurdaĵo! Certe ni loĝas en RUSIO!" Sed ne! Ĉar laŭ PIV (eld. SAT, 1987, paĝo 946, linio 50) RUSIO estas “Unu, la plej grava, federa respubliko de SovetUnio”. SovetUnio jam ne plu ekzistas, do tio signifas, ke ni jam loĝas en iu alia lando. Samtempe laŭ PIV, (la sama eld., p.406, lin.44) i-sufikso havas ankaŭ sciencan sencon: agronom-i-o, psikolog-i-o, rus-i-o... Ĉu scienco kiu esploras rusojn?

Do, ĉar nia lando ne estas unu, “la plej grava” sed jam sendependa, sekve, laŭ PIV (la sama eld., p.946, lin.58), ni loĝas en RUSUJO. Sed laŭ PIV (la sama eld., p.946, lin.46 k 58), ĉefurbo de RUSUJO estas Peterburgo kaj la landon regas caroj, kaj ĝenerale ĝi estas imperio. Ĉu vi sentas ian kontraŭrevolucian fiodoreton?

Samtempe kelkaj esperantistoj opinias ke ni loĝas en RUSLANDO, kvankam laŭ PIV (la sama eld., p.946, lin.44 k 58) RUSLANDO estas “lando en Eŭropo, inter Karpatoj kaj Uralo, la Blanka kaj la Nigra maroj”. Interalie “inter Karpatoj kaj Uralo” situas ankaŭ partoj de Hungario kaj Slovakio, kaj preskaŭ komplete la sendependa Ukrajno. Kaj krome necesas demandi, se ni efektive loĝas en RUSLANDO, do kio pri la postUrala spaco, nome Siberio, Nordio kaj Fora Oriento? Ĉu eble tiuj regionoj estas jam alia lando?

Rememoru ni alian, tre gravan opinion. En la libro “Lingvaj respondoj” (eld. Sezonoj, 1999) de s-ro akademiano S.Pokrovskij, en la paĝo 25 ni povas legi ke A.Abault opinias: “sufikso -istan- funkcias kiel la sufikso -i-: ĝi estas same internacia kaj uzata en praktiko de ĉiuj lingvoj...”. Tiamaniere ni venas al la kvara formo por la nomo de nia lando: RUSISTANO!

> Antaŭ nelonge mi ricevis la tiel nomatan "Praktikan enciklopedieton" de la magazino MONATO, eldonatan far Flandra E-Ligo. Ĝin konsistigas i.a. bazaj informoj pri ĉiuj mondaj ŝtatoj - areo, ĉefurbo, ĉefaj lingvoj, nacia valuto. Ekzemple pri Rusio oni povas legi, ke ĝia ĉefurbo estas Moskvo, la valuto - rublo, en unu rublo estas 100 kopekoj kaj tiel plu. Sed kion oni povas legi pri la nacia valuto de Belorusio? Tion, ke ĝi OFICIALE nomiĝas "zajĉiko". Senkomente.
>
> *Grigorij Arosev*

Kaj, fine, ni povas iri laŭ la plej moderna vojo kiun al ni montras Hindio. Unuanime ĉiuj hindianoj, konforme al siaj lokaj kutimoj, decidis, ke en Esperanto oni nomu ilian landon "Barato", kio laŭ PIV (la sama eld., p.95, lin.51 k p.390, lin.90) estas iom strange. Se ĉi vojo estas akceptebla, ni proponas la idealan solvon de la problemo “Rusio-Rusujo-Ruslando-Rusistano”. Ni komencu uzi la vorton “SOVOKO” por nomi nian landon - ja tio estas alternativo kaj kompromiso por ĉiuj!

Do, ek al UK-2007 en Sovoko!

*ĉapelsvingante viaj Ludovikoj Lazaroj Zamenhofoj (zamenhofoj@mail.ru)*



# KURTE

***Estas eldonita la dua volumo de la lernolibro "Ludu kun ni!".*** "Esperanto" Radikala Asocio, ERA eldonis "Ludu kun ni! – 2". Temas pri kompletigo de la konata lernolibro de Elisabetta Vilisich Formaggio. Tiu eldonaĵo sin direktas al la infanoj de la tuj postaj klasoj ol tiuj de la unua libro kaj larĝe uzas bildojn. Ankaŭ tiu dua volumo entenas enkondukon de profesoro Helmar Frank kaj daŭrigas lian didaktikon pri la propedeŭtika uzo de Esperanto laŭ la Paderborna metodo. ***ERA,*** <e.r.a.@internacialingvo.org> *(ret-info)*

***Infanlibroj per la reto.*** Ĉiuj 14 porinfanaj romanoj de L.Frank Baum en lia serio pri la Mirinda Sorĉisto de Oz haveblas per la reto. Ili havas la originalajn bildojn, multajn en koloro, kaj legeblas per Latino-3, Unikodo, kaj pluraj el ili per pdf-formato. La amataj verkoj de Lewis Carroll: *Alico en Mirlando, Trans la Spegulo* kaj lia frua verko *La Aventuroj de Alico sub la Tero* ankaŭ haveblas samloke. La verkojn en traduko de Donald Broadribb, vi povas trovi en la reto laŭ la adreso: <http://www.geocities.com/Athens/Oracle/9067/>. Eldonistoj, dezirantaj aperigi la libro(j)n, bonvolu kontakti la tradukinton <donaldbroadribb@mac.com>. *(Eventoj)*

***Nova Pasporta Servo*** aperos en februaro 2001. Ĝis nun konfirmis aŭ aliĝis ĉ.650 gastigantoj el 74 landoj. La limdato por la aliĝoj estas la unua de novembro. Pliajn aktualajn informojn eblas trovi ĉe la hejmpaĝo <http://www.esperanto.net/ps>. ***Derk Ederveen,*** kompilanto de Pasporta Servo *(ret-info)*

***La estraro de la Akademio de Esperanto*** decidis starigi novan dissendan liston, cele al konatigo de la temoj diskutataj ene de la akademio. Jen pli da detaloj: ofte la diskutoj ene de la Akademio de Esperanto havas intereson ankaŭ por aliaj personoj ol la membroj. Tial la estraro decidis starigi dissendan liston cele al konatigo pri la akademiaj temoj. La nova listo dissendos la mesaĝojn kiujn la membroj mem volas diskonigi ekster sia rondo. Ĉiu povos aliĝi al ĝi kaj kontribui al la interŝanĝo de ideoj. La adreso de la nova dissenda listo estas: <akademia-diskuto@egroups.com>. Se vi volas aliĝi al la listo "Akademia Diskuto" kaj poste ricevi la mesaĝojn de tiu listo, sendu malplenan mesaĝon al la adreso <akademia-diskuto-subscribe@egroups.com>. Mi tre esperas ke tiu servo utilos al nia lingvo. ***Christer,*** Vicprezidanto de AdE *(ret-info)*

***Premio por lingva agado.*** Junulara Esperanto-Asocio en Ĉeboksari gajnis ŝtatan junularan premion de Ĉuvaŝa Respubliko pro "aktiva laboro por evoluo de la movado Lingvaj Festivaloj kaj disvastigo de lingvikaj scioj". Ĉi premio estas tre grava ŝtata afero. Nur 4 la plej bonaj junuloj aŭ organizaĵoj de la respubliko ricevas ĝin laŭ decido de speciala komisiono ĉe Prezidento de Ĉuvaŝa Respubliko. Famaj sciencistoj, ŝtataj respondeculoj pri kulturo, edukado, klerigado, verkistoj, sportistoj, artistoj, aliaj fakuloj apartenas al la komisiono (tio estas vere honora laboro). ***Katerina Jevlampieva***

*Interreto – solvo por la problemoj de E-arkivoj?* Multaj E-aktivuloj havas proprajn arkivojn, kiuj estas tre valoraj el historia vidpunkto. Niaj veteranoj forpasis, sed ĉe multaj nun vivantaj esperantistoj konserviĝis iliaj interesaj leteroj, neniam publikigitaj verkoj ktp. Ĉu ne valoras krei siaspecan komunan arkivon en la Reto, kie ni por ĉiam konservos kaj disponigos al ĉies uzo tiujn dokumentojn? Ĉiu povus ĉiutage almenaŭ po iomete kontribui al tiu komuna arkivo, kaj ĝi rapide kreskus. Necesas nur tre prudente organizi la laboron, por ke ĉiu dokumento estu facile trovebla (laŭ nomo de la aŭtoro aŭ/kaj laŭ temo). Tia arkivo povus troviĝi, ekzemple, ĉe la retpaĝo de REU. Mi havas multajn leterojn de N.Danovskij, S.Podkaminer kaj aliaj veteranoj, manuskriptojn de ŝajne neniam publikigitaj tradukoj kaj verkoj... Ne estos facile retajpi almenaŭ plej interesan, sed se vi interesiĝas kaj kunlaboros, mi povus komenci. Mi proponas pridiskuti tiun problemon. (*Nikolaj Griŝin*)

*Kultura E-Asocio* (nova, agema landa E-Asocio en Hungario ĉirkaŭ la Eventoj-teamo) kompilis kaj eldonis novan, modernan flugfolion pri Esperanto, merkatike kaj reklamteknike pripensitan. La unua 5-mila stoko elĉerpiĝis dum 1 monato, do nun ĝi estas represata en 10-mila kvanto. Interesiĝantoj povas peti ĝin ĉe la redakcio de Eventoj: *pk 87, HU-1675 Budapest, Hungario*. *(ret-info)*

*UEA serĉas prezidanton.* Dum la komitatkunsido de UEA okazinta dum la 85-a UK en Tel-Avivo la nuna prezidanto de UEA, Keppel E. Enderby oficiale anoncis, ke li ne volas por la sekva periodo kandidatiĝi kaj fine de la nuna periodo retiriĝos el la posteno de UEA-prezidanto pro sia sanstato. Elektokomisiono komencis sian laboron jam dum la UK en Tel-Avivo. *(ret-info)*

*Esperanto-vinoj.* En la Elzaca regiono esperantisto Philippe Gocker eldonas vinon kun Esperantlingvaj etikedoj. Eblas elekti el kvar specoj de vinoj. Oni povas surloke kun gvidado rigardi la vinkelon kaj kun iom da rabato aĉeti vinon. Aĉetado eblas ankaŭ per poŝto. Pluaj informoj: Philippe Gocker (*1, Place des cigognes, FR-68630 Mittelwihr, Francio*). *(Eventoj)*

*En Kroatio banko subvenciis la esperantistojn.* La plej prestiĝa banko en Kroatio, la Zagreba Banko, subvencias ĉiujare ses projektofakojn. La ĉi-jaran subvencion en la fako Junularo gajnis Kroata Esperanto-Ligo por la projekto pri partoprenigo de junaj esperantistoj en la 86-a UK de Esperanto en Zagrebo. Estas menciinde, ke en la fako Arto la printempan premion de la Zagreba Banko ricevis la teatra ensemblo Ponto de Vida Jerman por la prezento de la teatraĵo "Poto" en la Tel-Aviva UK. En la sama branĉo Romana Rozic, esperantistino-filmreĝisorino, ricevis subtenon por sia filmo. *(ret-info)*

*La revuo "El Popola Ĉinio" ĉesos aperi* en presita eldono je la fino de ĉi tiu jaro. Ekde 2001 ĝi estos havebla nur rete kaj senpage. La redakcio informas, ke tiuj, kiuj antaŭpagis por la revuo, povos ricevi por la restanta sumo librojn, eldonitajn de Ĉina Esperanto-Eldonejo. *(ret-info)*

*La servilo por la retlisto E-INS* pri Esperanto-instruado ekpaneis antaŭ 2 monatoj. Pro organizaj kialoj la retlisto E-INS estas rekreita ne ĉe la antaŭa servilo, sed ĉe la konata "egroups.com". Ĉiuj 113 antaŭaj anoj estas aŭtomate registritaj ĉe la nova servilo, ĉe kiu do povas daŭri la diskutoj pri instruaj aferoj. Ankaŭ novaj interesiĝantoj estas atendataj. Por aliĝi sendu malplenan retmesaĝon al <e-ins-subscribe@egroups.com> aŭ kontaktu la administran estron Mauro La Torre (m.latorre@uniroma3.it). *(ret-info)*

# CERBE KAJ KORE

Dum pli ol dek jaroj en Moskvo funkcias Literatura E-klubo. Iniciatita de A.Gonĉarov kaj gvidita de V.Samodaj en sovetia “pratempo”, ĝi ne ĉesis aktivi en plej komplikaj kondiĉoj kaj sukcese aktivas nun. Dank’ al ĝi formiĝis la Moskva skolo de Esperanto-poetoj - la publiko vidis tion laŭ la poemkolekto “Moskvaro”. La kluba bulteno “Cerbe kaj Kore”, estas laŭmerite ŝatata en la klubo, sed preskaŭ nekonata ekster ĝi, ĉar kutima eldonkvanto estis nur 30-40 ekzempleroj. Do nun ni ŝatus proponi al pli vasta publiko kelkajn diverstemajn kaj diversstilajn verkojn, aperintajn en “Cerbe kaj Kore” dum lasta jaro aŭ konservatajn en ĝia redakcia teko. Espereble, la nivelo de la literatura rubriko en nova REGo ĉiam restos ne malpli alta ol en “Cerbe kaj Kore”. Agrablan legadon!

*Valentin Melnikov*

## LAŬSEZONAJ PAĜOJ

### *Valerij Jegorov (Sankt-Peterburgo)*

### *LA DOLĈA MELANKOLIO*

Melankolio...
kaj kiu kialo?
Tiu kialo...
la folifalo.

Falas kaj flosas
en la aero
ĉiu folio
kaj lanugero.

Falas kaj flamas
lastaj radioj,
oron donantaj
al la folioj.

Falas kaj flagras
buntaj koloroj,
eĉ sur la sonoj
kaj la odoroj.

Falas kaj fadas
feblaj sonondoj,
kvazaŭ fadenoj
inter la mondoj.

Falas kaj fluas
ien kun rojo
mildaj minutoj,
raraj dum vojo.

Falas kaj flugas
aroj kaj eroj,
flavaj folioj,
oraj kajeroj.

Falas kaj flustras
ĉiu folio:
melankolio,
melankolio...



## MEDITOJ DE L' POETO

### *Klara Ilutoviĉ (Elektrostalj)*

* * *

Traduki versojn estas vive senti
poemon ĝis la lasta versoguto.
Ne ĉiam, tamen, eblas ĝin prezenti

sen iuj rompoj de l' poema tuto.

Hezitoj, rememoroj kaj forstreko –
malobeema estas l' idealo.
Ĉu flankeniĝ' ioma estas peko
kontraŭ spirito de l' originalo,

se el la fremda vorto-oceano,
kun ties leĝoj, trajtoj kaj honoro,
aperas la poem'-"samideano" –
parenco laŭ la bildo kaj humoro?

Ne gusto, ne sonoro, sed aromo.
Ne trista voĉo, sed melankolia.
Ja ankaŭ alivestiĝinta homo,
restante l' sama, ŝajnas la alia!

Fojfoje aliigi vortkaskadon
insiste trudas ĝia sencarango,
sed kiel kapti l' allaseblan gradon,
la trafajn limojn de l' konvena ŝanĝo?!

Penante "alivesti" la poemon,
prodigas vortrimedojn li aŭ ŝparas...
Por solvi la obstinan artproblemon,
la bona tradukisto ne eraras.

## FABELO POR PLENKRESKULOJ

*Olena Poŝivana (Dnepropetrovsk)*

### AGLO KAJ TESTUDO

Iam vivis-loĝis testudo. Ŝi opiniis, ke havas bonŝancon, ĉar loĝis apud la granda flako kaj ne devis longe rampi por trovi la akvon. Ofte en la flako respeguliĝis suno. Ŝi vekiĝis sufiĉe malfrue kaj sincere opiniis, ke la suno loĝas en la flako kaj ĝuste de tie ĝi leviĝas en la ĉielon.

Strange, sed la ĉielo ĉiam interesis ŝin. Ŝi klopodis elŝovi la kapon por rigardi, kion faras la suno tie, supre, kion serĉas ĝi tiom alte. Ŝi aŭdis kantojn de birdoj, sed nur tre malofte vidis ilin. Ŝia kiraso ne permesis elŝovi la kapon, kiel ŝi ŝatus. "Ankaŭ mi estas birdo, – pensis la testudo, – ankaŭ mi donas ovojn, do, ankaŭ mi rajtas esti en la ĉielo".

Foje flugis aglo super tiu flako. Mi ne scias, kio devigis lin tro atente rigardi malsupren. Hazarde li ekvidis iun testudon. Ŝi allogis lian atenton, ĉar havis kapeton kun grandegaj scivolemaj okuloj sur enorme longa kolo.

– Ĉu vi volas flugi? – demandis la aglo.

Kiel ŝi sukcesis aŭdi lin? Restas enigmo. Ĉu li kriis tiom laŭte? Ĉu agloj

entute krias? Dubinde! Kaj kiel ŝi sukcesis jesi? Testudoj ja devas silenti...

— Jes, jes, jes! — ŝi respondis kaj eĉ provis salti pro ĝojo. Kompreneble, sensukcese.

Descendis la aglo de ĉielo, prenis la testudon inter ungojn, kaj ekflugis ili kune...

Flugas testudo, eĉ spiron detenas. Nur ĉirkaŭrigardas. Vidas ŝi, kiom larĝa estas la mondo. Rigardas malsupren — timas. Rigardas supren — eĉ timi forgesas! Tiom alta estas la ĉielo! Denove rigardas malsupren — eĉ sian flakon ne plu vidas. Sed ne gravas! Tie ja ne loĝas la suno!

— Ĉu plaĉas al vi? — demandas la aglo.

Ĉu indas respondi? Li mem scias. Silentis ŝi, ĉar estis ja testudo.

— Kaj nun flugu vi mem! — kriis la aglo, dismetis siajn ungojn, kaj ankoraŭ dum iom da tempo la testudo mem flugis...

Se vi estas aglo, malsupreniru ankoraŭfoje: kvankam, verŝajne, vi ne sukcesos savi vian testudon...

Se vi estas testudo, ne riproĉu vian aglon: ja ĝuste dank' al li vi komprenis, ke suno ne loĝas en via flako.

## AKTUALA POEZIO

*Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)*

### GAJAJ FRAPISTOJ

Frapu tamburoj — jen sonoj sentristaj —
venis la tempo de gajaj frapistoj.
Frapu, marŝante descenden laŭ pado
kun ĉi balado pri l' gaja frapado.
Iam aperis la kaŭzo por frapo:
en ĝardeneto ekkreskis la rapo.
Avĉjo, metinta la semon en kavon,
ĝojis — la rapo ĝojigis la avon.
Kiam kreskado proksimis al fino,
l' rapon subite rimarkis avino.
Al la legomo ravite ekgapis,
hastis al bud' telefona kaj frapis:
"Mia avet', stultiĝinta en folo,
kaŝas rapegon de l' tuta popolo, —
iĝis kulako en febla maljuno.
Venu rapide por la justa puno!"
Post la frapet' la avinjo kontenta
re — al rapeg' por gapado plensenta.
Kvankam baril' en ĝardeno ne mankis,
ŝin tra l' fendeto nepinjo rimarkis.

Jen la nepinjo – ne tute plenaĝa,
sed politike forĝita kaj saĝa –
lerte turniĝis pugeto fripona,
sin direktante al bud' telefona:
"Miaj geavoj en morna malŝato
kaŝas rapegon de l' homoj kaj ŝtato.
Jen la punenda trockista inklino.
Kiu mi estas? Komsomolanino."
Returniĝinte kun juna gracio,
la nepinet' por perfekta ekscio
kuris ĝardenon, kontenta pri l' faro.
Tion rimarkis la hundo Cezaro,
kiu, simile al ĉiu alia,
servis fidele al rond' familia.
Tamen, estante hundaĉo konscia,
servis ĝi ankaŭ al ordo socia.
"Kreskas komploto! Mi flaras malbonon!" –
bojis Cezaro en la telefonon,
kaj kuris reen al korta rutino.
Sed de sur arbo ĝin vidis katino.
"Miaŭ! Ĉe ni, en ĝardena profundo,
kreskas rapego, gardata de l' hundo!
Miaŭ! Ne prokrastu! Mi perdas trankvilon!" –
jelpis katinjo en la aŭskultilon...
Post kvin minutoj, ne tro atendata,
venis ĝardenon la roto soldata.
Rapon eltiris kaj falis en sveno:
Estis la rapo interne malplena!
Kantu edife infana koruso:
endus komence ja frapi pri l' muso!
Al perfektiĝ', civitanoj sentristaj!
Venas la tempo de gajaj frapistoj.







*mar 2000*

## SPIRITA EVOLUO (?..)

*Valentin Melnikov (Moskvo)*

### *ORTODOKSULO*

skizo al portreto

Per deca viv' ekzemplon
li montras al popolo:
la vojon en la templon
indikas "dia volo".

Lin duboj ne torturas –
la kred' animon savas.
La konscienco puras.
(Ĉu vere li ĝin havas?)
Neniun malamikas,
sentante la fieron,
kaj pie li predikas,
ke trovis jam la "veron".
Lin regas toleremo
laŭ la ordon' de Kristo:
ĉe ajna vivproblemo
li cedas sen rezisto.
Kvietas kaj trankvilas
sen pensi pri realo...
Perfekte li similas
bovinon en la stalo.

## BONAN HUMORON!

*Mikaelo Povorin (Moskvo)*

### *TENDARA LULKANTO*

Dormu, dormu, mia eta filo
En la lita mola sin',
Eĉ se venos aĉa krokodilo,
Mi al ĝi ne donos vin.

Vin protektu arbo per folio
Kontraŭ venta frida blov'.
Dume ne turmentu vin la scio
Pri l' kreaĵ' de Zamenhof.

Dormu dolĉe, mia kara bebo
Dolĉe pli ol ĉiuj ni.
Ne zorgigu vin la alta strebo
Al la sankta harmoni'.

Vi ankoraŭ tute juna estas,
Ne vizitas vin inkub',
Ke postrestas, tute ne progresas
Via esperanta klub'.

Vin evitu malkviet' kaj tristo
Kaj vi sonĝu pri fein'.

Ne riproĉos verda policisto
Dum kunven' matena vin.

Snufu, snufu via eta nazo,
Fiŝ' ne plaŭdu en akvuj'.
Dume vin ne kaptis la ekstazo
De la stulta lapaduj'.

Flugu for doloroj, duboj, timoj,
Regu en l' anim' trankvil',
Kaj ne gravu adasismaj rimoj,
Nek malbona verka stil'.

Mi envias al perfekta paco
De l' feliĉa infanaĝ',
Ĉar ne ĝenas vin la nuda k...orpo
De l' nudisto sur la plaĝ'.

Ŝvebu sur nubeto blankeŝaŭma
Super land' el marmelad'.
Kraĉu nun al Manifesto Raŭma
Kaj la skismo de l' movad'.

Tamen poste granda vi elkreskos,
Flugos for de l' varma nest',
Kaj la viv' tendara eferveskos,
Verde stelos gaja fest'.

Noblan celon vi plenumos pene
Kaj ne zorgos pri la san'.
Tiu celo vin konsumos plene,
Prenos vin ostoza man'.

Ni post multaj jaroj renkontiĝos
En tombej' kun morna trist'.
Nekrologon ĵurnalist' dediĉos:
"Estis li esperantist'."

Sed dume –
Dormu, dormu, mia eta filo
En la lita mola sin',
Eĉ se venos aĉa krokodilo,
Mi al ĝi ne donos vin.

Pastro, kuracisto kaj inĝeniero kune golfumas. Ili atendas kaj bierumas en la drinkejo de la golfejo. Pasis jam horoj, sed la golfejo ne iĝis libera. Ili iras al la ĉefo por demandi kial tiom longe oni okupas la ejon:
-Ĉar antaŭnelonge okazis akcidento al niaj kelkaj golf-klubanoj, kaj ili ĉiuj blindiĝis. Nun ili bezonas iom pli multe da tempo por finludi...
La pastro diras:
-Ve, kial terure! Mi multe preĝos al Dio por ke ili rericevu la sanon de okuloj.
La kuracisto:
-Jes, estas terurege, kaj mi promesas kontakti mian kolegon, kiu estas okulspecialisto, eble li povos kuraci la okulojn de niaj karaj amikoj...
Kaj la inĝeniero:
- Jes, estas vere bedaŭrinde, sed kial ili ne ludas nokte? *(esperanto-anekdot)*

# NIAJ HOMOJ TIE

*Unu el la plej agrablaj momentoj de UK estis por mi renkontiĝoj kun niaj e-istoj, loĝantaj nun en aliaj landoj. Multajn el ili mi ne vidis dum longaj jaroj. Tamen evidentiĝis ke niaj eksaj samlandanoj ĝin nun restas por ni pli proksimaj spirite kaj anime ol ajnaj "veraj" alilandanoj.*



Boris Kolker (Usono) kaj Daniil Kolker (Israelo)



Miĥail Giŝpling
(Israelo)



Aleksandr Ĥarjkovskij (Usono)



Sonja Soskina (Usono)

...kaj multaj aliaj...



## *Estimata leganto!*

Vi tenas en la manoj unuan numeron de nova periodaĵo kun ambicia titolo *REGo*. Kio ĝi intencas esti?

Nuntempe en Rusio mankas gazeto, kies celo estus rakonti al rusiaj esperantistoj pri la movado en nia lando, pri E-eventoj en Rusio kaj aliaj landoj de Esperantujo, servi kiel loko por diskuti, interŝanĝi sperton, konatigi kun novaj literaturaĵoj k.s. Ĝuste tiun niĉon strebas okupi *REGo*, kies eldonadon kune entreprenas REU kaj REJM. Certe multon faras en tiu tereno la gazeto ***La Ondo de Esperanto***, sed ĝi grandparte estas destinita por internacia publiko.

Ne eblas fari periodaĵon, kies tuta enhavo estus interesa por ĉiuj rusiaj gesamideanoj. Sed la intenco de nia gazeto estas, ke ĉiu esperantisto trovu en ĝi interesajn por si materialojn kaj ĉiu artikolo aŭ informo estu interesa por signifa parto de la legantoj.

Kiel redaktanto de *REGo* estis elektita mi, Garik Kokolija, nuntempa REU-vicprezidanto. Sola mia ĝisnuna sperto pri la gazeteldono estas ***SEJM-info***, kiun mi lanĉis kaj eldonadis dum kelkaj jaroj. Certe sola homo ne povas faru tutan laboron pri la preparo kaj aperigo de ĉiumonata gazeto. Tial ege necesas kunlaboro kun ĉiuj interesiĝantaj E-aktivuloj (kun multaj tiuj jam estas interkonsento pri ĝi). Unuavice estas bezonataj kontribuoj al enhavo de la gazeto – problemaj artikoloj, rakontoj pri la pasintaj aranĝoj, pri sperto de E-agado (ne gravas, ĉu sukcesa, ĉu ne tre), interesaj informoj (eĉ kuriozaĵoj aŭ anekdotoj), literaturaj verkoj, diskutprovokaj ideoj k.s. Ĉion ĉi ajna el vi povas sendi al mi laŭ la adresoj (poŝta kaj reta), indikitaj sur tiu ĉi paĝo malsupre. Por la kontaktoj vi povas uzi ankaŭ miajn telefonnumerojn, troviĝantajn samloke. Amplekso de *REGo* ne estas strikte limigita, do ne timu ke io sendita de vi ne publikiĝos pro manko de spaco. Ju pli da homoj kontribuos al la enhavo, des pli interesa estos por ĉiuj la gazeto. Krom la partoj, enestantaj en la unua numero de *REGo*, estos planataj kelkaj aliaj, kiuj ekaperos en sekvaj numeroj, ekz. porinstruistaj paĝoj, librorecenzoj, artikoloj pri historio de la movado en Rusio, rakontoj pri diversaj E-organizaĵoj k.a.

En tiu ĉi jaro *REGo* estos senpaga (aperos ankoraŭ du numeroj), ĝin ricevados ĉiu, kiu informos min ajnamaniere pri tia deziro. Membroj de REU kaj REJM ricevados la gazeton aŭtomate kaj ĉi-jare kaj poste. Do, la plej facila maniero ĉiam havi tiun ĉi interesan (espereble) gazeton estas fariĝi membro de REU aŭ REJM. Ĉiuj ceteraj por aboni *REGon* en sekva jaro devas sendi aŭ transdoni al mi la abonkoston.

*Garik Kokolija*


**REGo (Rusia Esperanto-Gazeto)** ***№ 1 (1) oktobro 2000***

*komuna eldono de REU kaj REJM, aperas ĉiumonate*


*redaktas Garik Kokolija* *retpoŝto: kokolija@mail.ru*

*telefonnumeroj: +7 (095) 5677007, 7524792*


abontarifoj por 2001:

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 60 rubloj*

*sendendaj al* **Георгий Коколия, Пятницкое шоссе 45 – 105, 123310 Москва**

*por loĝantoj de aliaj landoj – 10 eŭroj, pagendaj al la konto* kklg-r *ĉe UEA*